XXVII-a Jaro. — N° 375 (11). Monata Novembro 1931.

# ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.

Adreso de la Redakcio kaj Administracio : 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.



## Celo kaj rimedo

Ĉiujn el ni impresas aparta celo, ĉu politika, ĉu socia, forigo de ia maljustaĵo, liberiĝo de nia popolo aŭ de nia klaso, asekuro de nia trankvilo, sukceso de nia afero, k.t.p. La celoj konstante ŝanĝiĝas kun centjaroj, eĉ kun la jaroj tra la historio de la homaro.

Kio ne ŝanĝiĝas, kio daŭras jam dekmiljarojn, eble centmil, tio estas la rimedo ĉiam uzata : la perforto.

Sian plej karan celon la homoj ankoraŭ konfidas al hazardo de bruta batalo, en kiu decidos tute flankaj cirkonstancoj de preparado aŭ momentaj ŝancoj de tempo kaj vetero anstataŭ la veraj elementoj de rajto kaj racio.

Kiam la hazardo turnis la venkon kontraŭ ili kaj igis la celon ankoraŭ pli malproksima, la homoj restas tamen fidelaj al tiu malsukcesiga rimedo kaj emas al nova provo, kiel la ludantoj en Montekarlo.

Kiam la ŝanco donis al ili la venkon, ili baldaŭ konstatas, ke la celo estas malsekura, ĉar trudita per hazarda rimedo kaj malkonsentita de la venkito. Ankaŭ ili restas fidelaj al la rimedo, kiu ne portis plenan kontentigon, kaj fidas la hazardplenan perforton por konservi tion, kion ili gajnis.

Rezultato estas ĝenerala malsekureco kaj malkontenteco. Rigardu la nunan mondon ĉirkaŭ vi, ĉu ne montriĝas ĉie entuziasma fido je perforto (= hazardo) por ŝanĝi aŭ konservi ?

Tia fido ne akordiĝas kun progresoj de edukado. Ĝi taŭgas por simioj, kiuj posedas nur limigitan cerbon, ne por kleruloj kapablaj regi cirkonstancojn per inteligento kaj antaŭvido.

La plej saĝa parto de la nuna generacio ekdemandas sin ĉu ne pli gravas nun la rimedo ol la celoj. La celoj konstante ŝanĝiĝas, sed la rimedo restas eterna kaj malsprita. Ĝi donas nenian justecon kaj nenian sekurecon. Do kial ne serĉi pli taŭgan ?

En Ĝenevo antaŭ kelkaj semajnoj, reprezentanto de Italujo mem konstatis ke « perforto kapablas alporti nenian solvon en internaciaj rilatoj ». Samtempe alvenis Anglujon fama hinda gvidanto, kiu rezignas je perforto por organizi ribelon. Interesaj faktoj.

Se la homaro decidus rezigni je tiu oble miljara rimedo, tio estus revolucio pli grava ol ĉiuj aliaj sociaj aŭ politikaj okazintaĵoj de historio, kiuj koncernas unu momentan klason, nacion aŭ landlimon. Homoj emas kredi je la ĉefgraveco de siaj celoj kaj ili ne vidas, ke la rimedo venenas ĉion jam de mil jaroj kaj fariĝas celo en si mem, pli eterna ol ĉiuj aliaj.

Vidu Ligon de Nacioj. Ĝi starigis maŝinaron por diskuti internaciajn problemojn kaj tribunalon por juĝi interŝtatajn disputojn, sed kiel povas tio funkcii kontentige dum pendas super la tablo la minaco de l'alia rimedo, la freneza, por kiu oni elspezas miloble pli ol por la racia ?

Antikvaj Hebreoj diris, ke oni ne povas servi Dion kaj Mamonon samtempe. Ni konstatu hodiaŭ, ke la armila ŝancrimedo malebligas la racian rimedon kaj ke estas neeble fidi je ambaŭ kune, ĉar la premo kaj hazardo de la unu konfuze tremigas la kompason de l'alia.

Tio valoras pripenson seriozan, ĉar ĉio dependas de tio, al kio ni fine plej fidas, ĉu al blinda ŝanco, ĉu al aranĝo racia ?

Se vi dubas pri la graveco de rimedo kompare kun celo, pensu al unu homo, kiu donis tutan vivon al rimedo, kvankam lia koro ŝvelis je celoj : Zamenhof.

Edmond Privat.

# Okcidento kaj Oriento

## Vizito al Gandhi

Neniam antaŭe svarmis tiom da ĵurnalistoj kaj fotografistoj en haveno de Marsej kiom en tiu malluma frumateno, kiam alvenis Gandhi el Hindujo.

Pluvas. Pluvadas. La kajo malhelas. Suno ne volas leviĝi. Inter sakoj amasaj kreskas atendema publiko.

Fine boras nubon ora streko. Ekbrilas taglumo. Jen la dika ŝipo nigra kaj bruna. Postaĵon antaŭe, ĝin tiras malrapide vaportrenanto. Saluton al *Raĵputana* !

Blanka figuro sur la ferdeka rando. Senmova kvazaŭ azia statuo. Al vido ĝi kreskas dum alproksimiĝas la ŝipego. Blanka tuko volvita sur bruna korpo. Ĝi elstaras, solece el amaso da vojaĝantoj svarmantaj sur ĉiuj etaĝoj de l'dika monstro.

Rapidantaj Eŭropanoj, princoj kun verda turbano, hindaj virinoj en viola *sari*, ŝipanoj el oriento kun la ĉapo ruĝa...

Krio sonas. Gandhi ! Ĉiuj divenas lin. Apogite je barilo, li restas senmova. Kapo razita.

Pensiga je Sokrato. Subite larĝa rideto lumigas la vizaĝon kaj liaj manoj unuiĝas por saluti. Li rekonis Andrews, la malnovan amikon, venintan el Londono por lin bonvenigi. La ŝipo albordiĝas.

Trans ponto mallarĝa flugas la vesparo ĵurnalista kaj falas amase sur la malgrandan viron kun rondaj okulvitroj. Premegas lin. Manĝegas lin per demandoj. Li respondas pacience kaj bonhumore. Lia sprita gajeco mildigas ĉion, eĉ la veteron.

Kelkajn amikojn li invitas al sia kajuto duaklasa, malsupren, tre profunden en la ŝipo. Triope ni sidas kun li sur lia kuŝejo. Kontraŭ ni kuŝas du litoj, unu super alia. Lia filo Devadas kaj sekretario Desai nun fermas sakojn, pakas la ŝpinilon, ambaŭ ĝojaj, frataj homoj, freŝaj el malliberejo.

Kun nudaj kruroj, sub li falditaj, kun dika poŝhorloĝo pendanta je blanka pantaloneto, Gandhi akceptas en nia ĉeesto pli ol centon da vizitoj, unu post alia. Ĉiu vice. Unue ĵurnalistoj po kvin minutoj. Angloj, Usonanoj. Ili diskutas, argumentas. Jen ĉarma Francino kun novmoda ĉapeleto sur orelo dekstra : « Ho, Sinjoro Gandhi, ne laciĝu, nenion klarigu ! mi scias ĉion pri vi, legis la libron de Romain Roland, volis nur vin ekvidi ! »

Jen la brita konsulo kun grava letero de sia registaro, tuj respondota, jen ŝipanoj, jen maŝinistoj en blua vestaĵo, jen maristoj hindaj el ĉirkaŭaj ŝipoj. Unu post unu eniras vice kaj rigardas Gandhi legantan amason da telegramoj. Ĉiu silentas momenton kaj foriras. Multaj premas lian manon en siaj. Kun feliĉo en okuloj ili forlasas la kajuton.

Ni babilas. Gandhi prizorgas ĉu ni bone sidas, ĉu ni matenmanĝis tiel frue, venigas teon por ni, respondas al niaj demandoj. Liaj okuloj estas plenaj je bonkoreco.

Similan voĉon trankvilan kaj firman jam antaŭe mi aŭdis ie. Kie ? Kiam ? Kies ?

D-ro Zamenhof. Jes, estas certa simileco. La penso kuras al rememoroj. Alvenas denovaj maristoj kun ruĝa turbano, brunaj vangoj, okuloj nigraj. Mahometanoj. *Salam* ! ili salutas. *Salam* ! respondas Gandhi kaj interparolas en *urdu*.

Kio estas en tiu eta viro, kio tiel allogas atenton de l'vasta mondo kaj movigas centmilionojn da homoj ? Ĉe li ekzistas nenio mistera, nenio fanatika, nenio pastrema. Li estas rekta, malkaŝa, klara, preciza, ĝentila, sed firma kaj sprita. Li ridas bonhumore. Li parolas perfektan, eĉ mirinde trafan anglan lingvon. Estas ĉe li neniu alŝajno. Absoluta sincero lin plej ĝuste priskribas.

Tiel bonvola li estas, ke vi tuj sentas vin amiko kaj tiom firma ke vi sentas vin en plena sekureco morala en apudeco. Jen la tuta klarigo. Nia mondo estas laca je perforto kaj mensogo, je sango kaj trompema diplomatio. Jen homo ege energia, sed kiu ne mortigus eĉ formikon, jen viro ege inteligenta, sed kiu ne diras eĉ la plej malgrandan lertaĵon neveran. Li batalas sen armiloj kaj politikas dirante nur la veron.

Neniam oni vidis tion antaŭe. Oni ja konis sanktulojn tre virtajn en iliaj malproksimaj ermitejoj, sed simpla civitano portanta la bonecon kaj plenan honestecon en tiun malbonodoran marĉon de politiko, jen unika novaĵo. Necesas por tio ega forto kaj trankvilo.

Ĝuste tiel impresas Gandhi. « Ne-perforto, li ja diris al ni, estas armilo ne de la malfortuloj, sed de la fortuloj. Kiam oni timas nek morton, nek ion ajn en la mondo, tiam oni jam ne bezonas revolveron por akceli justan aferon. La nura vero sufiĉas. Nenia solvo daŭras se trudita perforte. Necesas naski novan konvinkon ĉe la kontraŭulo. Jen la celo de la hindaj gejunuloj kiuj sin oferas al batoj kaj aresto ».

Tion multaj Angloj ekkomprenas. Gandhi dezirus, ke ankaŭ la ceteraj nacioj de la mondo vidu en tiu sperto novan rimedon por eliri el la sanga malordo, kiu nun regas.

Restus ankoraŭ mil aferoj rakontindaj pri tiu longa mateno pasigita kun li je interparolo, sed ĉefe je observado de lia konduto al ĉiuj vizitantoj. Ni ŝatus ankoraŭ esti tie, ĉar poste oni sopiras je li.

Kun kia bonkoreco li penis ŝpari troajn elspezojn al juna korespondanto kiu venis peti ian deklaron de li kablografotan al Ameriko !

« La prezo de libereco estas memsufero sen perforto » li skribis kaj, post kiam la junulo insistis por plua frazo, li aldonis : « Mallongeco estas la salo de sprito. »

Bankedon en Marsej li rifuzis, ankaŭ akcepton en Grand Hotel, sed al studentoj li konsentis paroladi en ilia klubejo. « Ne kredu, li diris, ke edukado konsistas je enŝtopado de libraj konoj. Sperto montras, ke ĝi konsistas ankaŭ ĉio je formado de karaktero. En koro kuŝas la vera forto, ne en muskoloj. En Sudafriko mi vidis iajn nigrulojn kun tiaj muskoloj, kiajn vi ne renkontas en Eŭropo, sed la samaj ektremis je tuta korpo antaŭ infano de blankuloj armita per revolvero. Ili timis mortigon. Kiam oni lernis timi nenion plu, tiam oni kapablas sen ia buĉado gajni sian liberecon, kio estas la denaskiĝa rajto de ĉiu popolo. Neniu estas sklavo sen iom da vola aŭ nevola akcepto. Bonvolu senpartie studi la sperton de tiuj hindaj gejunuloj, kiuj sinoferis al batoj kaj malliberejo, kaj vidu ĉu ne ekzistas en tiu memeduko eventuala helpo ankaŭ por ceteraj popoloj trovi pli homan rimedon ol buĉado kaj mensogado por lukti kontraŭ maljustaĵoj. Mallarĝa naciismo ne taŭgas. Nia hinda movado valoras nur tiom, kiom ĝi helpas ankaŭ la tutan homaron. »

Al vizitantino, kiu deziris al li sukceson en Londono, la maljunulo respondis vigle : *sukceso estas kondulo*. Kvankam li estas « nekuracebla » optimisto li ne vidis grandan kaŭzon de espero, tamen deziris almenaŭ interparoli kun la plej akraj kontraŭuloj. Li aludas al ili kvazaŭ al amikoj, ne komprenantaj la faktojn, sed sinceraj kaj amindaj. Se li ne povos ilin konvinki, li revojaĝos Hindujon.

Impresas lia sentimo, lia verdiremo kaj amemo. Vidiĝas bone liaj du roloj: 1e la politika, en kiu li klopodas fidele reprezenti la tuthindan kongreson kaj ĝian programon, voĉdonitan en Karaĉi, 2e la socia, en kiu li estas pli libera kaj deziras antaŭ ĉio forigi la mizeron de la malriĉaj milionoj kaj alporti al la mondo la pruvon ke oni povas lukti sen trompo kaj mortigo.

Ke li vivas por tio estas tuj sentebla. Lia simpleco en vivmaniero ne estas alŝajno, sed konvinka frateco kun ĉiuj, kiuj staras malsupre kaj ricevas sur kapon la rompitajn glasojn de nia monavida kaj militista civilizo.

Kiuj en Londono plej malkonsentas kun li, tiuj ekamis lin, post renkonto kaj sentis lian sinceron. P.

## Socia Vivo

## Konsiloj kiel konduti en Usono.

Kiam vi atingas usonan teron, forgesu ke vi estas eŭropano. Alie vi neniam vivos ĝoje en tiu ĉi lando kaj vi daŭre troviĝos en konfliktoj. Forigu la eŭropanon interne kaj ekstere. Certe, la granda amaso en Ameriko ŝatas tiun dolĉan sentimentalecon, speciale kiam ĝi aperas sur la ekrano. Sed en la taga vivo ĝi ne havas sencon por tio, kion ni nomas animo. Sekve, lasu hejme vian animon. Se vi volas fari negocojn — kaj nur venu pro tio tien-ĉi — ĝi estas superflua. Se vi venas pro plezuro, tiam vi prefere estus restinta hejmen. Se vi volas studi Novjorkon, la urbon kaj la homojn, vi devas foliumi en la libro de ĝia mallonga estinteco kaj se vi havas okulojn malfermitajn, en tiun de la estonteco. Kaj pensu en Novjorko je tio, ke ne kiel en Eŭropo, la homoj kreis sian urbon, sed ke tiu ĉi gravuris al ili siajn trajtojn. Memoru je tio, ke tiuj homoj, kiuj venis tien ĉi estis lacaj je Eŭropo, antaŭ cent jaroj tute same kiel nun kaj ke ili restis tiaj. Ili ne havas tempon mediti pri la pasinteco, ĉar ili estas meze de la batalo por la ĉiutaga pano. Tiam ekmiru, kion homoj, kiuj kapablas forgesi, povas plenumi.

Forgesu la fabelon pri la riĉa amerikano. Nur ĉe tute specialaj okazoj vi povas pensi, ke inter tiuj milionoj ekzistas ankaŭ kelkaj milionuloj. Tiam vi ricevas ĝustan konsideron je urboj kaj homoj. Forgesu, kiom vi pagis en la valuto de via lando por la dolaro. Estu tre malbona kalkulanto, tiom malbona kiom vi estis en la lernejo. Forgesu la elementan kaj superan kalkuladon. Pensu je tio, ke kiam saltas dolaro, ĝi ne havas pli da aĉetpovo ol la duono de la transkalkula kurzo. Pensu ankaŭ dum la trinkmono, tiam la manĝo gustumas pli bone al vi.

Forigu vian komplekson de supereco. Vi estas en Ameriko, en Usono. La kelnero kiu vin servas, ne estas malpli valora ol vi. Laboro ne malindigas tie ĉi.

Kiam vi eniras lifton de hotelo aŭ de loĝdomo kaj estas en virina societo, pensu ke aliaj landoj havas aliajn morojn. Forigu vian ĉapelon, ankaŭ Kiam vi veturas kun via edzino. La liftknabo povus vin konsideri kiel primitivulon. En lifto de negoca domo, vi povas vin konduti kiel hejme.

Sed kontraŭe vi povas rezigni je la mankiso. Escepte, se vi estos kun ŝi tute solaj. Sed eĉ tiam la amerikanino ne estimas tion. Mankiso estas signo aŭ pruvo de pli proksima konateco. Se ĝi ekzistas, tiam ĝi ne havas sencon. Se ĝi ne ekzistas, tiam la mankiso estas kompromitiga kaj povus konduki al sekvoj ne agrablaj. Kiso sur manon de amerikanino edzina, facile kondukas al tribunala plendo pro « provo igi ŝin malfidela al edzo ». Se ŝi estas fraŭlino, tiam la delikata maneto povas vin konduki al tribunalo. Se tiam vi malinklinas edziĝi je ŝi, kvankam vi ĝin promesis per la kiso, tiam vi devas *pagi*.

Forgesu ankaŭ ke vi estas eŭropano dum la rilatado kun la homoj. Lasu vian noblan rezervemon hejme. Ne kliniĝu pro respekto, se vi estas vid-al-vide je amerikano kiu sukcesis en la vivo. Konsideru lin kiel samspecan. Eniru domon ŝercante. Pruvu ke vi posedas kulbuton. Ne ludu la supersatan eŭropanon. Estu homo.

Ne miru pri ĉiu nigrulo kiun vi renkontas. Centmiloj, ili estas hejme tie-ĉi, civitanoj. Tamen, evitu ilian societon kiam vidate de blankuloj. Viaj amerikanaj konatuloj rigardus tion kun malbonaj okuloj, eĉ se la knabino estas tre alloga.

Maĉu gumon. Tiam vi tediĝas malpli, se vi reveninte hejmen trovos ĝin gluanta ĉe viaj ŝuoj aŭ eĉ malmoliĝintan buleton ĉe rando de via hotellito. Ankaŭ lernu kraĉi, kvankam tio jam estas pli malfacila. Cetere ekzistas amerikanoj kiuj nek maĉas, nek kraĉas.

Trinku la glacian akvon, ne grimacante post glaseto kaj ĝemante je München-a biero. Komencu per la akvotrinko frumatene, post purigo de la dentoj. Baldaŭ vi konstatas ties bonegan influon, je viaj ŝrumpiĝintaj renoj. Trinku ĝin ankaŭ dum somero dum granda varmego. Tio helpas al la asimilado. Ne kredu ke la glaciakvo estas invento de la prohibicio. (Malpermeso de l'alkoholo). Ĝi estas elprovita afero, kiu harmonias al la klimataj kondiĉoj.

Ripozante en publika ĝardeno sur benko se vi ŝatus komenci konversacion kun najbarino, tiam faru ĝin. Vi tuj rimarkos kun kiu vi parolas, eĉ ne riskante konflikton kun ĝendarmo. Uzu germanan lingvon, speciale se ŝi puŝas infanĉaron.

Se vi estas virino sen akompano, estu prudenta. La amerikano posedas du pasiojn : Promenoj en taksi-aŭto kaj la propono veni kun li al lia loĝejo.

La bano en la hotelo estas por ĉiutaga ne por ĉiusemajna uzo. Agu laŭ tio. La ĉambristino povus juĝi pri vi malfavore.

Bastono estas eŭropa objekto, escepte se ĝi havas kavan internon kun vitra ujo. La prohibicia leĝo ne malpermesas la fabrikadon de tiaj bastonoj, nek la elmontron de glasoj kaj boteloj por Cocktail, kaŝigeblaj en flanka pantalonpoŝo.

Ne tranĉu cigarpinton per tranĉilo. Mordu ĝin. Alie vi ne estas ĝentilhomo.

Se okaze vi miregas pri la malbona gusto de amerikano rigardante magazenojn, memoru bone ke tiu ĉi falsa arto venas el Eŭropo. Prefere ne demandu tiam laŭ la fabrikmarko.

Sinjoroj sen akompano ne estas volonte vidataj en noktamuzejoj. Tio estas malmorala. Serĉu tiam akompanon, laŭ cirkonstanco jam antaŭ la enirejo.

(Laŭ M.R.K. aranĝis G. Agricola).

# Tra la libraro

**Poezio - Rakontoj - Studoj pri lingvo kaj movado.**

Puŝkin estis laŭ dato la unua granda rusa verkisto, la ĉefa kreinto de l'renovigita rusa lingvo; poeto, romanverkinto, dramisto, historiisto, li ankaŭ estis ŝanĝema, senzorga, incitema, ĝuema. Li travivis neordinarajn aventurojn, suferis monmankon, frue mortis, vundita en duelo kun edzinamulo. Bone li konis francan lingvon kaj literaturon, kaj *Eŭgeno Onegin*, memorigas franclingvanon pri certaj poemoj de Musset. Tiun versforman romanon tradukis S-ro Nekrasov, kaj en la belaspekta libro, kovrilo, bindaĵo, bildoj, papero, neta literaro, ĉio plaĉas. Laŭdinda estas la klopodo de rusaj samideanoj, kiuj volas esperantlingve konigi la tutan verkaron de sia ŝatata poeto. La antaŭparolo, kun biografio de Puŝkin, montras ties gravon en rusa literaturo kaj estas tre bona. Detala komentario klarigas ĉiun punkton, kie ne tre klera leganto postulus informon. La tradukinto diras : « La prezentata Esperanto-traduko de Eŭgeno Onegin estas frukto de unu plena jaro de persistema laboro, kiun la subskribinto plenumis kun granda zorgo kaj vervo », kaj : « Esperantigo de tia ĉefverko estis farita kun la plej strečita intenco transdoni ĉiujn belaĵojn de l'originalo en la traduko ». Pri tio, mi ne dubas. Tamen, por diri tute malkaŝe mian impreson, mi opinias, ke la rezultato ne respondas la klopodon, ke malfacila estas la legado, ke tre verŝajne la poemo multon perdis de sia nacilingva belo. Ĉu kulpas la lerta tradukinto ? Ne, sed lia intenco estis neplenumebla. Por transigi al alia lingvo, idee kaj forme, tian artaĵon, estus necese posedi la genion de l'autoro, kaj eĉ tiam refari en lingvo kun tute malsama strukturo, alian ĉefverkon. Ankaŭ Esperanton oni ne kulpigos pro tia missukceso. Ĝiaj vortoj estas pli multsilabaj ol naciaj, Ĝia rimado estas malfacila; perforta alĝustigo al originala ritmo, al regula rimo, kondukas al strečita stilo kontraŭa al poezia efiko; tro oftaj elizioj, senpere formitaj verboj, nekutimaj kunmetaĵoj, stranga vortordo faras el la strofoj enigmojn ne tuj solveblajn. Jen, sen elekto, unu el ili, la unua :

*« Nu, mia onklo agas sprite,*
*Tuj kiam ekmalsanis li,*
*Li min servigis senevite,*
*Elpensi li ne povis pli ;*
*Ekzemplo estas tre instrua.*
*Sed, dio, kia trud'enua,*
*Nun flegi lin en ĉiu hor'*
*Sen eblo paŝon fari for !*
*Ho, kia fia hont-malico*
*Mortanton agrabligi jen,*
*Jen zorgi flate pri kusen'*
*Kaj pri medikament' laŭ vico*
*Kun pens' sekreta senafabl' :*
*Ho kiam prenos vin diabl' ! »*

Nu, estas kvar ĝis kvin cent da samaj. Mi provis legi laŭte, mallaŭte, nek mia orelo, nek menso ĝuis. La versoj estas korektaj, ĉiu vorto komprenebla aparte ; malgraŭ kelkaj agrablaj versoj kiel :

« Ankoraŭ la ĉevaloj batas
Per huf' en trem' pro frosta vent' »

mi tro ofte bezonas legi du aŭ trifoje strofon por deĉifri ĝin, kaj ofte ne estas certa pri ĝia senco. Aktuala romano versforma ne trovus legantojn. Tian klasikaĵon traduki, nesuspektataj la beleco de l'originalo nek la sperto de l'tradukanto, riskas fiaski. Tio estas valora por fakistoj, beletristoj, sed ne trovos ŝaton ĉe ordinara legentaro. Eŭgeno Onegin restu modelo ne imitinda. La tradukinton mi ne mallaŭdas ; mi lin domaĝas, ĉar en akceptitaj katenoj li tute malliberigis sin ; mi lin admiras, ĉar li provis persiste la neeblon.

---

En 1921, aperis malgranda broŝuro : Mondo kaj Koro, poemoj de K. de Kalocsay. Tiam ekflagris ĉe l'esperanta ĉielo nova poeta stelo, al kiu ĉiu admire rigardis. Post dek jaroj, la aŭtoro fine donacas al ni la kolekton de siaj originalaj poemoj, en formato kaj eldono indaj je la enhavo, sub titolo : *Strečita Kordo*. Komparante ambaŭ, ni konstatas, ke la 24 poemoj de l'unua kolekto estis zorge korektitaj antaŭ envicigo en la nunan pli ol centnumeran novan kolekton. Depost la *Parnaso de l'Popoloj*, ne aperis poemaro tiel interesa por poeziamanto, tiel grava laŭ stila kaj arta vidpunktoj. Apud la verko de Grabowski, *Strečita Kordo* nepre trovos lokon inter la libroj de ĉiu belon ŝatanta samideano. Kaloscay ankaŭ uzas diversajn licencojn celantajn plifaciligi, plivariigi lian versstilon ; se eĉ kelkaj liaj poemoj kaj provoj estontece ne aperos akceptindaj, li tamen multon faris por riĉigi nian lingvon, ĝin muldi, ĝin fleksigi ĝis vere arta efiko. Plej admirinda estas la varieco en la poemformoj ; ekzemple en la serio : Ahasvero de Amo ; se ideoj, malprecizo aŭ strangeco, ne plaĉas al ĉiu, la diversaj ritmoj, versaranĝoj, lertege kunigitaj de l'verkinto, trovos ĉies admiron. Kelkaj modernecaj versaroj, kun ia kosma enhavo, surprizos klasikulojn, sed, en la tuto, ĉiu renkontos, ion, kio respondos sian propran guston kaj lin entuziasmos ; ĉiu, obeante la konsilon troveblan en alia verko, laŭtlegante, memorfiksante poemon, perfektigos sian konon, sian senton pri Esperanto.

---

La unua originala poemaro de Julio Baghy, *« Preter la Vivo »* aperas en dua eldono. Krom ŝanĝo de formato, nun pli oportuna por bibliotekoj, la verko restis la sama. Ĝia famo estas sufiĉa, por ke oni ne bezonu laŭdadi la poeton kaj lian verkon, unu plian fojon.

Post verkoj de Kaloscay kaj Baghy, iom suferas pro nevola komparo la poezio-kolekto de G. D. Nash : *Miniaturoj*. La aŭtoro multon vidis, foren vojaĝis, kaj notis renkontojn, vidaĵojn, spertojn pripensojn, en versa, ofte sprita formo. Tiu ne obeas strikte la severan ritmon ĝenerale celatan de niaj poetoj, sed ofte kontentiĝas je la silaba verso, laŭ franca aŭ angla lingvoj, malpli taŭga por Esperanto. Ankaŭ la rimoj ofte fariĝas « adasismoj ». Kelkaj vortkuniĝoj, aŭ versoj pli vokas ridemon ol poezian senton : « Ĉielkoridor' ». « Manoj duongantitaj — buŝeto florsimila — Plene kalsonumita — vi staras ĉe kanapo ». Fine, ankaŭ frazoj neklaraj aŭ nekorektaj enestas. Kaj malgraŭ tiaj difektoj multaj versaĵoj plaĉas per sia simpleco, humoro aŭ originaleco. Jen unu el ili :

## Rido Maŭrina

Hazarde, en Tanĝero
Iam vagante, mi
Ekaŭdis dolĉan ridon
Kaj turnis min al ĝi.
Jen, sur la trotuaro
Riĉa laŭ mozaik',
Ekvidis mi Maŭrinon
Beletan, - el Afrik'.
Malpala, ŝian haŭton
Igis Maroka sun',
Kaj du okulojn ŝiajn
Similis blu-lagun'.
Sed kio ŝin amuzis
Gravegis ne al mi,
Eble bagateleto
Koncerne nur al ŝi.
Ĉu penso nedirebla
Pri hieraŭa ĝoj' ?
Saluto amikeca
Por iu sur la voj' ?
Pro infan-babileto,
Eble la ridoben'
Eksonis tra l'aero
En tiu frumaten' ?
Sed, kio ajn okazis
Ridinda: Ho Fraŭlin'
Tion mi ege dankas,
Kaj dankos ĝis la fin'

---

*Rimportretoj* estas plaĉa albumeto, kun sesdeko da fotoj montrantaj la plej konatajn nunajn esperantistojn, verkistojn, vortaristojn, propagandistojn, administrantojn, recenzistojn, kaj pri ĉiu el ili la poeto verkis laŭdan, aŭ informan, aŭ moketan rondelforman poemeton. Tre amuza, interesa galerieto, kie la rimarkinda versa lerteco de Kaloscay refoje kaj nediskuteble elstaras.

---

La nordaj regionoj allogas nun. Balono Zeppelin surflugas ilin, Nautilus provas tie subnaĝi. Ni tre interesiĝis pri la travivaĵoj de l'ekspedicio Andrée, kaj nun prezentas al ni Moraviaj Esperanto-Pioniroj strange interesan libron : *Tridek jarojn en la ora nordo.* Kiom tiaj okazoj, tia vivo superas plej fantaziajn imagojn de romanverkisto ; kiom trafe elektis la tradukintoj, kiuj antaŭe donacis al ni la sensacian R. U. R. kaj hodiaŭ permesas legi la preskaŭ nekredeblajn aventurojn de Jan Welzl. Tiu « memfarita homo » ne kapablas verki libron ; el longaj intervjuoj, ĵurnalistoj eltiris el la heroo liajn memoraĵojn kaj ilin aranĝis en komprenebla teksto. La libro donas en fino la priskribon de unu el tiuj demandaĵoj, kiu en si mem estas mirinda ver-humoraĵo. Ĉu povas ne inciti vin al legado de l'verko la nuraj faktoj, ke simpla taglaboristo vojaĝas la tutan mondon, trapaŝas tutsole Siberion kun ĝiaj arbaroj, marĉoj, dezertoj, glacioj, riveregoj, haltas sur neloĝebla insulo en arkta maro, rilatas kun aliaj soluloj kaj Eskimo-triboj, partoprenas balenkaptadon, iom post iom entreprenas grandskalan komercon, vizitas orminejojn, riĉiĝas, fariĝas estro kaj supera juĝisto de l'insuloj ; ke tiu ridema sesdekjara dikulo, kiun montras portreto, ĵus reiris al Nova Siberio por retrovi la lasitaĵojn ? Plej terurajn cirkonstancojn li rakontas malvarmsange ; el ĉiuj vivdanĝeraj minacoj li saviĝas mirakle ; la morojn de Eskimoj li priskribas reliefe kaj krude. La tuta rakonto estas tiel eksterordinara, ke se ne alestus la atestoj de l'kunlaborintoj, oni foje kredus al malvera imagaĵo ; ĝi estas tiel interesplena, ke oni facile malatentas pri diversaj malglataĵoj en la traduko, kaj pri tio, ke libroj broŝuritaj en Moravio estas tiel nekudritaj, ke, trancitaj, la paĝoj dise forflugas je facila vento.

---

Originala, en ambaŭ sencoj de l'vorto, estas 5.000.000. Kovrilo montras boksiston, Eifelturon kaj nubskrapulon. Tia titolo, tia bildo signas modernecon. Ankaŭ eble tio, ke la libro mistifikas, ke dika papero, granda litertipo aspektigas volumo tion, kio estus nur libreto en alia eldonaĵo. Oni eĉ demandas sin ĉu lasta frazo de l'antaŭparolo (estas tiu, post noto, kaj konsilo, kaj peto, kaj ankaŭ ekzistas postparolo ; multa volvaĵo por eta varo) ne devus esti : « Ju malpli da teksto, despli da papero.. — « kaj se serioze la verkinto celas ». « elspezigi al aliaj la monon ». Cetere li mem diras sian verkon « misorda, mispensa » kaj li ne plene paradoksas. Tamen liaj rakontoj estas vere amuzaj, kun lerta komiko, neatenditaj renkontoj, spritaj aludoj, karikaturaj personoj. Du aŭ tri tekstoj en poezi-proza formo, estas laŭ mi plej ŝatindaj partoj, kaj kontrastas kun la cetera henavo. Ĉefe la verkinto majstras nian lingvon ĝiajn eblecojn en malofta maniero, havas viglan harmonian stilon ; oni preskaŭ bedaŭras, ke tiajn kapablojn li ne aplikas al pli valora verko, ĉu ŝerca kaj ironia kiel 5.000.000, ĉu pli serioza kaj pli atentinda.

---

*Printempo en la aŭtuno* de J. Baghy estas proza novelo. Tiu idilio inter studento kaj filino de foirarlekenoj, inter du renkontiĝantaj trovitaj infanoj, havas freŝecon, koloron, naivecon ĉarmajn. Ofte verkistoj elektis la temon de l'burĝoniĝo kaj ekfloro de unua amo ; ne ĉiam ili sukcesis ravi la leganton priskribante tiel amindajn personojn, tiel apartan medion, tiel dolĉajn sentojn. Ĉar, plie, la stilo samtempe simpla kaj lerta tute adaptiĝas al la enhavo, la aŭtoro kreis juveleton vere ŝatindan.

Jan van Schoor tradukis kelkajn noveletojn de flandra verkisto Lode Baekelmans. Tiuj *Elektitaj Noveloj* montras diversaspekte la simplan flandran popolanon, urbano, butikisto, metiisto, maristo, delogita filino. Simplaj, sed trafaj, tiuj rakontoj tute proksimaj al la vivo mem, havas nedubeblan literaturan valoron kaj la traduko ŝajne tute konservis la ĉarmon apartan de l'originalo.

---

*Kenelm Robinson, Vol. II*, jen stranga titolo por stranga verketo. Ĝi enhavas anglalingvajn prozaĵon kaj poemojn, inter kiuj lokiĝas tri esperantlingvaj rakontoj. Kial tiu miksaĵo, kiu taŭgas nek por Angloj, nek por Esperantistoj ? La tri rakontoj : La konsilo, Amika ago, La fivivo, estas tre lerte verkitaj, tute modernaj psikologiaj animportretoj, kun aludoj al nuntempaj aŭ seksaj demandoj kaj ofta satira ironio, foje vekantaj ridon, foje amarajn pripensojn.

---

Se malofta spertulo en la praktiko de l'lingvo montriĝas Kaloscay, li same majstras la teorion. *Lingvo, Stilo, Formo*, jen libro, kiun ĉiu interesulo pri esenco, eblecoj, evoluo de nia lingvo ne ignoros. Tiu speciale atentinda verko konsistas el diversaj studoj. En « Esperanta Vortfarado » la aŭtoro, ekzameninte la ideojn de niaj teoristoj, Couturat, de Saussure Wüster, bone aplikante la principojn de sufiĉo, konkludas ke Esperanto ne posedas specialan sistemon, sed ke : « la vortderivo estas simpla vortkunmeto ». Ĉar : « Ne teorio kaj reguloj kreis lingvon, sed vivajn regulojn de viva lingvo konstatis aposteriorie la gramatikisto », el la ĝisnuna lingvouzo li eltiris tre detalajn regulojn pri vortformado. « Sed por paroli perfekte la lingvon, tute ne necesas ke oni lernu parkere ĉiujn ĉi regulojn kaj analizmetodojn ». «Sed, se vi prenos la ne malgrandan penon de ilia trastudo, mire vi rekonos, kiel malfacilajn vojojn vi iradis ĝis nun, ne rimarkante ĝiajn krutaĵojn kaj serpentumadon ». En « la evoluo de nia poezia lingvo », Kaloscay pravigas ambaŭ tendencojn troveblajn inter ni : instruantoj, propagandistoj, lernantoj volas lingvon facilan, kun eta radikaro ; literaturistoj, poetoj deziras riĉan, nuancitan, vortabundan esprimilon. Formiĝos kvazaŭ du ŝtupoj : la vulgara lingvo kun la vortprovizo nepre necesa al interkompreniĝo kaj trovebla en ĉiu lernolibro ; la literatura stilo kun aparta poezia kromvortaro kaj specialaj pliliberaj formoj. Tiujn lastajn

unue enkondukis Grabowski : « La granda artisto de la fleksebleco, la kuraĝa tornisto de la poezia lingvo estis Grabowski precipe en sia Sinjoro Tadeo, kiu ĝerme enhavas eble ĉion, kion oni povas elsorĉi el la lingvo ». El la proponitaj permesoj, vere multaj estas necesaj por nia poezio, se oni ne kontentiĝas per infanaj tekstoj ; sed kelkaj, ekzemple uzado de « as » anstataŭ « estas », elizio de la finiĝo « a » ĉe adjektivoj ne estos facile akceptataj. Kontraŭe, ĝeneralan aprobon trovos la jena konsilo : « La poemoj estas eminente taŭgaj por ellerni perfekte la lingvon. Poemo lernita ne forviŝeble fiksas en la memoro vortojn kaj esprimojn. Bonaj poemoj devus esti abunde uzataj en superaj kursoj. Per tio oni akirus du rezultojn per unu fojo : perfektan lingvan konon kaj interesiĝon pri nia poezio ». La ĉapitro « Sendemandaj respondoj » studas apartajn punktojn de nia gramatiko, ĝenerale prave kaj ĉiam interese. Tamen, persone, mi kontraŭstaras al enkonduko de duoblaj konsonantoj en kelkaj novaj vortoj kiel : regatto, bullo, villo, brutto, k. c., se kunmetitaj verboj ne devas tro ofte renkontiĝi, oni tamen ne forpelu ilin per « ruzaj rimedoj » ; ekzemple la frazo : « Kiam mi estos fininta la laboron, mi iros promeni » estas pli korekta kaj ne malpli bela ol : « Post kiam mi finis la laboron, mi iros promeni ». Malŝato al vorto « ci » devenas de nekutimo ; mi mem provis uzi ĝin kaj, post certa tempo, la vorteto tute plaĉis al mi en konversacio kun intimuloj. Ja, kiam oni deziras riĉigi la lingvon, oni ne seniĝu je l'multaj eblecoj eltireblaj el uzo de « ci » kaj de l'kunmetitaj verbformoj ! La « Esperanta rimo » estas funda, detala studo pri tiu grava problemo ; Kaloscay vicigas ĉiujn rimspecojn de pura rimo ĝis simpla asonanco kaj proponas senĝene uzi la plej bonajn kaj sonplaĉajn rimo-idojn. Fine ankoraŭ du ĉapitroj : « Elparolo » kaj « Metriko » finigas tiun libron tiel riĉan je ideoj, ke ĝi meritus pli ampleksan priparolon ; ĝi certe vekos intereson kaj diskutojn. Ĉian klaran perfektan stilon ja pruvis la kelkaj ĉisupraj citoj.

---

Kun titolo simila al « Vortoj de profesoro Cart » aperis *Vortoj de kamarado E. Lanti*. Ĝi konsistas el artikoloj ĉerpitaj el « Le Travailleur espérantiste » kaj ĉefe el « Sennaciulo », kies redaktoro li estas. En lerta antaŭparolo L. Banmer prezentas al ni kamaradon E. Lanti, liajn esperantiĝon, laboron, humoron. Mankas bildo por finskizi la portreton. La tekstoj, kiujn la aŭtoro korektis, ĉar la unuaj ne posedis la lertan senpezan stilon poste akiritan, estas dividataj laŭ ĉapitroj : Mondlingvo, Organizado, Edukado, Sennaciismo, Pacismo, Priskriboj, Polemiko. Kompreneble la idealoj de S.A.T. okupas ĉefan lokon ; la aŭtoro aperas kun sociopinio firma kaj persista, kun spirito racia, klara, diskutema, ironia, paradoksema. Legu ekzemple la paĝon titolitan : Esperanto estas la plej malfacile ellernebla lingvo. Oni unue dubas ĉu kolekto da batalartikoloj restos interesa. Leginte, oni tion rekonas ; oni eĉ konsentas ke, « ĉi tiu libro estos ankaŭ tre bona legolibro por tiuj, kiuj deziras havi modelajn tekstojn ». Ĉar efektive la ĉefa impreso de l'leganto estas l'agrablo trovi lingvon seneraran, elegantan malgraŭ la temoj, senbalastigitan je nenecesaj sufiksoj, kiun oni senrezerve povas taksi modela. Nesatanojn kompreneble pli logos la priesperantaj pripensoj de l'unua ĉapitro. Jen hazarde ĉerpitaj kelkaj frazoj valoraj pro la ideo, kiuj montras la stilon.

« Uzi esperanton, ne farante gramatikajn erarojn, estas nur akcesoraĵo. Kio gravas, tio estas encerbigi, enmensigi la geniecon de la racia esprimilo, kiun kreis Zamenhof ».

« Diru, ke oni tre facile kaj rapide povas interkompreniĝi per Esperanto, sed ke necesas multaj jaroj nur por ekvidi, ke nuntempe neniu homo funde scipovas la artefaritan lingvon ».

« Sed oni erarus, opiniante ke la malbona influo de Ido ne plu efikas sur nian movadon. En la interna vivo de nia lingvo sentiĝas ankoraŭ la pedanta logikemo emportita de idemuloj... Por obei ŝajnan logikon, oni tro ofte emas plipezigi nian simplan kaj flekseblan lingvon... La idista fuŝentrepreno fiaskis. Restas al ni, tute seniĝi je la pedanta idemo, kiu enŝteliĝis en niaj vicoj ».

« Mi legas la Biblion por lerni... Esperanton. Kaj ĉe tia legado mi konstatas, ke Zamenhof mem lernis sian lingvon ĝis la lasta spiro ».

« Oni nomas ordinare « intelektulo » homon, kies manoj estas puraj kaj senkalaj, kiu surhavas blankan kolumon kaj bone ordigitajn vestojn. Tamen se oni povus rigardi en la kranion de multaj tiaj elegantuloj, oni vidus, ke tie kuŝas inerte nur ideoj ĉerpitaj el gazetoj aŭ libroj. Ilia intelekto ludas proksimume la rolon de la stomako ĉe ansero, kiun oni grasigas ».

« Por ricevi instruon el la legado de gazetoj, oni devus legi nur la malnovajn. Se dekjare malnova artikolo estas ankoraŭ... aktuala kaj interesa, aŭ se la « profetaĵo » de la aŭtoro realiĝis, la artikolo certe estas leginda ».

« Iu laŭdis mian artikolon, kaj ĉagrene mi pensis : Kredeble mi diris en ĝi banalaĵojn ».

---

S-ro E. Drezen, kiu jam liveris al ni kelkajn studojn pri Esperanto, nun verkis pri ĝi pli ampleksan libron : *Analiza historio de Esperanto-Movado*. La titolo klare diras la celon de l'aŭtoro, kiu vicigas Esperanton inter nuntempaj sociaj faktoj kaj demonstras, kiel socia aranĝo influis nian movadon kaj reciproke. Jene ĝin precizigas la antaŭparolo : « Multe pli gravas eltrovo de tiuj fortoj, kiuj influis esperantomovadon, kaj ĝin subtenis kaj kreskigis... Ĉe prezento de simila analiza historio fariĝas ebla certa antaŭvido de la vojoj de ilia evoluo kaj progreso, fariĝas ebla certa historia prognozo por la estonto... » La politikaj konvinkoj de l'verkinto estas videblaj kaj ne permesas kredi lian plenan senpartiecon ; verŝajne kelkajn liajn asertojn estontaj historiistoj malverigos ; aliflanke tezoj de polemisto estas pli viglaj ol serena rigardo de objektiva scienculo. Multaj okazoj estas tro proksimaj por eldiri nediskuteblan juĝon. Tial la unuaj partoj pri disvolviĝo de l'movado antaŭmilita estas pli akceptindaj ol kelkaj konkludoj de la lasta ĉapitro. Korekte verkita, kun emo al neologismoj, la libro estas por malnovaj samideanoj tre interesa, por novaj tre instrua. Flanke de l'verkoj de Privat, Zakrzewski, Kotzin, la nova historio estos ofte konsultata dokumentilo. Diversaj portretoj kaj grafikoj kiujn oni deziras pli netaj sur pli taŭga papero estas agrabla aldonaĵo. Do, se iom unuflanka oni ĝin konsideras, tiu studado tamen ebligas koncepti novajn ideojn pri nia movado, pri ĝiaj direktintoj, ĝiaj sinsekvaj tendencoj; ni danku al aŭtoro pro serioza, nefacila serĉado kaj verkado.

---

La *Skizoj pri teorio de Esperanto* de la sama aŭtoro prezentas la tekston en lingvoj rusa kaj esperanta sur kontraŭaj paĝoj ; tio povas esti utile por lernolibroj sed por scienca traktaĵo ne taŭgas ; prefere ili sekvu unu alian. La verko konsistas en studo de nia lingvo laŭ la filologia vidpunkto, t. e. ke ĝi sinsekve okupiĝas pri gramatiko, fonetiko, morfologio, sintakso, semantiko, etimologio, kaj evoluo de Esperanto. La kleraj esperantistoj ne trovos multon novan en tiuj ĉapitroj ; ili tamen estas bona resumo kaj kunigo de ideoj nur parte troveblaj en diversaj verkoj ; ili estos tre utilaj por scienculoj aŭ studentoj, kiuj, ne intencante

plenlerni nian lingvon, deziras havi bonan teorian konon pri ĝi. Unu atentinda punkto estas la konsideroj pri la aglutina karaktero de Esperanto kiu, malgraŭ la esence romana deveno de ĝia vortaro tiel parencas kun aziaj lingvoj: ĉina, turka, tatara. Tiun strukturon kaj parencecon oni memoru por ne tro ampleksigi la vortaron: « Speciale la azianoj preferas tiun econ de Esperanto kaj ŝatas la esprimojn similajn al vagonarhaltigilo anstataŭ bremso ». « Ankoraŭ en la jaro 1910 Prof. Th. Cart skribis: « Per sia fundamento ĝi estas por tiel diri la rezultanto de la eŭropaj lingvoj tiaj, kiaj ili ekzistis je la fino de l'XIX jarcento ». Tio estas ĝusta nur rilate al la ĉefa parto de la esperanta vortradikaro. Tio absolute ne ĝustas rilate al la gramatiko kaj morfologio esperantaj. Oni devas tion bone memori, ĉar ĝuste tiu fakto permesas aserti ke Esperanto estas ne nur eŭropa lingvo, ke laŭ siaj karakterizaj ecoj ĝi estas parenca al lingvoj aziaj, orientaj ». Ankaŭ la listo de verkoj teoriaj pri Esperanto-gramatiko, je la fino de l'verko estas, kiel la cetera enhavo, taŭga rimedo por laborantoj sur tiu fako.

---

La libreto de Ludw. Krysta, bele eldonita: *Pri la prononcado de Esperanto* estas bona studo pri ne ignorenda problemo. Estas io farenda por unuecigi la esperantan elparoladon de diversaj naciuloj. La rimarkoj kaj konsiloj de l'aŭtoro pravas, ili utilos. Ankaŭ lia propono okazigi specialajn lecionojn tiutemajn dum la jaraj kongresoj estas efektivigenda. Ili ne sufiĉos, kiel ne sufiĉas eĉ bonaj gramofondiskoj. Ĉu la Lingva Komitato povus ekzameni tiun aferon kaj eldoni regularon kun modelvortoj por ĉiuj lingvoj? Mi male kredas, ke devus unu kompetentulo, S-ro Krysta aŭ alia, ekzameni la problemon trovi helpantojn, kaj verki la bezonatan klarigon; ĝi per si mem se ĝi estas bonkvalita kvazaŭ oficialiĝos nia samideanaro ja volonte akceptas direktilon kaj obeas ĝin. Multaj uzis la vortaron de Kabe kaj nun fidas al Plena Vortaro de S. A. T. kvazaŭ ili estus oficialigitaj; kaj estontaj gramatikistoj ankaŭ aldonus la prononcregulojn al siaj lernolibroj.

17. Oktobro 1931. G. S.

---

## Reciproke

*De Goethe*

Kiu fermajn poŝojn havas,
Tiun oni ne subtenas:
Mano nur per man' sin lavas,
Ankaŭ donu, se vi prenas!

## Saĝo

*De Gœthe*

Eĉ se heroo mem kontentas,
Liganon tamen li aspiras;
Kaj se venkito tre prudentas,
Li kun venkinto tuj konspiras.

Franz Dőring, Freiburg-Baden.

## BIBLIOGRAFIA SERVO DE UEA

# Novaj Libroj 1931

TOLSTOJ, L. N. — *Kristanismo kaj Patriotismo*. Sennacieca Asocio Tutmonda. 112 p. 15 × 12. Prezo: Sv. Fr. 1.50. (1931-1).

HAEFKER, HERMANN. — *Jarmiloj Paŝas*. Heroldo de Esperanto, Köln. 244 p. 23 × 15,5. Prezo: (1931-2).

***. — *Nia gvidanto*. EKRELO, Leipzig, Lőbauerstrasse 35. 48 p. 14,5 × 10,5. Prezo: Sv. Fr. 0.40. (1931-3).

MALMGREN, ERNFRIED. — *Sveda Kantareto*. Fórlagsföreningen, Esperanto Stockholm. 32 p. 13 × 9,5. Prezo ne montrita. (1931-4).

VENDREDA KLUBO WINSCHOTEN. — *Floretoj, porinfanaj rakontoj*. J. B. Wolters, Groningen. 64 p. 19,5 × 14. Prezo Sv. Fr. 1,40. (1930-5).

MIHAJLOV, N. — *Batalante por la metalo*. Trad. P. Gavrilov. EKRELO Leipzig. 28 p. 15 × 10,5. Prezo: Sv. Fr. 0.25. (1931-6).

AMIN-EL-MOFTI. — *Esperanto, la internacia lingvo*. (Lernolibro por Araboj). Eld. ĉe la aŭtoro. Delegito de UEA, Alexandria, Egipt. 112 p. 21 × 16. Prezo: Sv. Fr. 2.50. (1931-7).

SALOM, ALEJĤEM. — *Ĉe Doktoro*. Monologo. El Hebrea lingvo tradukis Josef Rabinovic-Tajc. Jerusalemo: Erec Israel. 12 p. 20 × 12,5. Prezo: Sv. Fr. 0.35.

KIDO OKAMOTO. — *Epizodo en Suzenji*. El la japana originalo tradukis: Sihej Mijake. Esperanto-Kenkjŭ-ŝa. Tokio. 46 p. 15 × 12. Prezo: Sv. Fr. 0.85. (1931-9).

FRIIS, A.F.L. — Esperanto-Laerebog. Til Brug i Kursus/og/ved selvstudium. Date's Forlag. København 1931. 21,5 × 14 cm. 58 p. Prezo ne montrita.

***. — *Milano kaj Lagoj de Lombardio*. Gvidlibreto kun turismaj kartoj. Touring Club Italiano. 112 p. 16 × 10. Prezo Sv. Fr. 4.25. (1931-11).

LAVRENEV, B. — *Disrompo*. Laŭ originala rusa manuskripto trad. de Helena Sazonova. EKRELO, Leipzig. 48 p. 21 × 14,5. Prezo: Sv. Fr. 1. (1931-12).

KORINNA, L. — *Pri Astrofiziko*. Mallonga klarigo por ordinaruloj. Ĉe l'Aŭtoro, Wheatley Rd. 30, Halifax, Anglujo. 24 p. 21,5 × 14. Prezo: Sv. Fr. 0.65. (1931-13).

D-RO EMIL PFEFFER. — *Wörterbuch Deutsch-Esperanto*. Dua eldono. Tagblatt-Bibliothek, Wien. 184 p. 12 × 19. Prezo: Sv. Fr. 1.60. (1931-14).

***. — *LEA-Kantaro*. Kolekto de proletaj, batalaj, liberpensulaj kaj popolaj kantoj. Laborista Esperanto-Asocio, Dircksenstrasse 42 Berlin. 74 p. 10.5 × 14,5. Prezo: Sv. Fr. 0.50. (1931-15).

***. — 12 *Ilustritaj Poŝtkartoj kun bildoj de memorindaj kasteloj en Ĉeĥoslovakio*. Eld. Ministerio por Fervojoj de Ĉeĥoslovaka Respubliko. (1931-16).

KRYSTA, LUDW. — *Pri la prononcado de Esperanto*. Mondlingvo-Eldonejo, ul. Plebiscytowa 25, Katowice, Polujo. 30 p. 11,5 × 16. Prezo: Sv. Fr. 0.40. (1931-17).

***. — *La Manifesto de Jesuo Kristo*. Kun aldonoj. Internaro, London. 10,5 × 17. (1931-18).

FRATOJ FETHKE. — *« 500 slow jezyka Esperanto »*. Kompleta kurso rapidmetoda en dek lecionoj. Fratoj Fethke, ul. Petersona 11, Bydgoszcz, Polujo. 14 p. 23,5 × 36. Prezo: Zl. 1.50. (1931-19).

***. — *Esperanto Katalogo No.* 10. Centrale Esperanto Boekhandel, Bankastraat 2 a, 's-Gravenhage. 47 p. 12 × 15,5. (1931-20).

PROF. FAJNSTEJN. — Prospekto pri: *Mnemonika Instituto*. 14 p. 14 × 21,5. (1931-21).

KŐKENY, LAJOS. — *Magyar Eszperanto-Evkönyi*. Literatura Mondo, Budapest. 32 p. 15,5 × 22,5. Prezo: Sv. Fr. 1.—. (1931-22).

***. — *Raporto de la Aerologia Observatorio de Tateno. No.* 5. — Aerologia Observatorio Tateno, ap. Tutiura (Ibaraki-ken) Japanujo. 136 p. 22,5 × 30. (1931-23).

***. — *Vortoj de Kamarado E. Lanti*, kun antaŭparolo de L. Baumann. SAT, 23 rue Boyer, Paris 20. 191 p. 13 × 19. (1931-24).

RADEK, KARL. — *Kapitalisma Sklaveco kaj socialisma Labor-Organizo*. EKRELO, Leipzig. 31 p. 12 × 18. Prezo: Fr. 0.25. (1931-25).

BAUDET, ANDRÉ. — *L'Espéranto dans le Commerce*. Communication faite par M. André Baudet à la Réunion tenue par les Présidents des Chambres de Commerce le 3 février 1931. 19 p. 13,5 × 20. (1931-26).

***. — *Prospekto pri Internacia Foiro de Lyon* 2-15. *Marto* 1931. (1931-27).

JAUMOTTE, MAUR. — *Inleiding tot Esperanto*. Belga Esperanto-Instituto, Antwerpen. 83 p. 13,5 × 21. (1931-28).

GRENKAMP-KORNFELD, S. — 5 000 000. Esperantista Voĉo, Jaslo. 113 p. 12 × 19. Prezo: Sv. Fr. 3.—. (1931-29).

DREZEN, E. — *Analiza Historio de Esperanto-Movado.* EKRELO, Leipzig. 95 p. 14,5 × 22. Prezo : Sv. Fr. 2.15. (1931-30).
DANOV, P. — « *La Amo* ». Biblioteko Nova Kulturo. 28 p. 12,5 × 20. (1931-31).
PUŠKIN, A. S. — *Eŭgeno Onegin.* El Rusa lingvo tradukis kaj komentis : N. V. Nekrasov. SAT — eldono. 235 p. 16 × 11,5. (1931-32).
ERNITS, P. — *Esperanto Poolt ja Vastu.* 29 p. 13 × 17. (1931-33).
ZAMENHOF, LIDJA. — *Homo, Dio, Profeto.* Bahaa Esperanto-Eldonejo, Weinheim a.d.B. 7 p. 15,5 × 23. Prezo : Sv. Fr. 0.30. (1931-34).
***. — *Oficiala Jarlibro de la Esperanto Movado* 1931. Universala Esperanto-Asocio, Genève. 420 p. 11,5 × 16. 5 Frk. sv. (1931-35).
— *Deutscher Esperanto-Bund.* Ein Rückblick auf 25 Jahre.
POSTRAT BEHRENDT. — Deutscher Esperanto-Bund, Berlin. 16 p. 14 × 22. (1931-36).
DANOV, P. — *Fariseo kaj Impostisto.* Biblioteko « Nova Kulturo ». 24 p. 12,5 × 20. (1931-37).
***. — *BES — adresaro de Esperantistoj.* Bohema Esperanto-Servo, Potštejn, Č.S.R. 80 p. 11 × 14,5. (1931-38).
PETRO PANC. — *La Morto de Janulans.* Rakontoj. EKRELO, Leipzig. 34 p. 11 × 15. Prezo : Sv. Fr. 0.20. (1931-39).
ŠEJNMAN, M. — *Moralo religia kaj Moralo proleta.* EKRELO, Leipzig. 30 p. 11 × 15,5. Prezo : Sv. Fr. 0.25. (1931-40).
***. — *Varna, la Regino de la Nigra Maro.* Gvidlibro. 36 p. 12 × 17. (1931-41).
***. — *Antaŭen al la Batalo kaj Venko.* Manifesto de la IV. IPF-Kongreso. EKRELO, Leipzig. 15 p. 11,5 × 16,5. Prezo : Sv. Fr. 0.15. (1931-42).
***. — *Bolŝeva Komuno de Ogpu.* EKRELO, Leipzig. 16 p. 12 × 16. Prezo : Sv. Fr. 0.20. (1931-43).
***. — *Lazne Belohrad.* Gvidlibreto. Odbor Klubu Ceskoslovenskych Turistu Lazne Belohrad. 11,5 × 16,5. (1931-44).
JANKO TODOROV. — *Orfeo.* Legenda kantisto kaj reformanto - religia. « Balkana Konkordo ». 15 p. 11,5 × 15. Prezo : Sv. Fr. 0.20. (1931-45).
***. — *Membrolisto kaj Invito al Jarkunveno.* Universala Esperanto-Asocio, Nederlanda Teritorio. 32 p. 11 × 14,5. (1931-46).
LIEM TJNOG HIE. — *En Zijn Verbreiding.* Centraal Esperanto-Bureau & Institut « Liem Tjong Hie », Semarang. 63 p. 10,5 × 17. Prezo : Sv. Fr. 2.50 kart. 2.— broŝ. (1931-47).
G. SUBRAHMANYA SARMA ELIYURKAR. — *La Filozofio de Upanisadoj.* Orient Publicity Cy. Mylapore, Madras. 18 p. 12,5 × 18. (1931-48).
JULIO BAGHI. — *Preter La Vivo.* Dua eldono. Literatura Mondo, Budapest. 94 p. 13 × 20. (1931-49).
M. LJUBIN. — *La Himno.* Novelaro. EKRELO, Leipzig. 36 p. 11,5 × 16. Prezo : Sv. Fr. 0.45. (1931-50).
***. — *The « Edinburgh » Esperanto Pocket Dictionary.* 14a eldono. Thomas Nelson & Sons. Ltd. London, Edinburgh, New York, Toronto kaj Paris. 288 p. 9,5 × 15. (1931-51).
ALEKSANDRO BEZIMENSKIJ. — Socialismo. Poemo. EKRELO, Leipzig. 40 p. 12 × 16. Prezo : Sv. Fr. 0.50. (1931-52).
JAN WELZL. — *Tridek Jaroj en la Ora Nordo.* Moraviaj Esperanto Pioniroj, Olomouc. 314 p. 14,5 × 19. Prezo : Sv. Fr. 6.60 bind. 5.50 broŝ. (1931-53).
***. — *Nia Teatro.* — SAT-eldono. 62 p. 11,5 × 15. Prezo : Sv. Fr. 0.20. (1931-54).
B. GALIN. — *Kiel firmiĝis kolhozo.* « La Vojo de Lenin ». EKRELO, Leipzig. 14 p. 11,5 × 16. Prezo : Sv. Fr. 0.20. (1931-55).
ADOLF SCHMIDT. — *Die Wiegenschriften des Esperanto.* Otto Harrassowitz, Leipzig. 5 p. 16 × 24. (1931-56).
***. — *Jarlibro de la Lingva Komitato kaj de ĝia Akademio.* — Esperantista Akademio. , Paris. 32 p. 12 × 16. (1931-57).
SALDANHA CARREIRA. — *Curso Elementar de Esperanto.* Perceira Antonio Maria Pereira, Lisboa. 184 p. 11 × 18. (1931-58).
E. SPIRIDOVIĈ. — *Lingvoscienco kaj Lingvo Internacia.* CK. de SEU, Moskvo. 100 p. 14,5 × 22. (1931-59).
***. — *Manifesto de la Sennaciistoj.* Sennaciista Frakcio, New York. 31 p. 12 × 15. (1931-60).
***. — *Esperanta Kantokolekto.* J. H. Vink, Voorburg, Nederlando. 24 p. 12 × 15. Prezo : Sv. Fr. 0.50. (1931-61).
V. EROŜENKO. — *Turo por Fali.* — La Verda Librejo. 29 p. 10,5 × 15. Prezo : Sv. Fr. 0.50. (1931-62).
J. BAGHI. — *Heredajo.* Kun fina traduko de S-ro A. A. Sofio. La Verda Librejo. 25 p. 10,5 × 15. Prezo : Sv. Fr. 0.50. (1931-63).
***. — *Clev da l'Esperanto.* Romanĉa (Ladina) ŝlosilo. ICK. de la Esperanto-Movado. 36 p. 8 × 11,5. Prezo : Fr. 0.20. (1931-64).
HERMANN HAEFKER. — *Jarmiloj Pasas.* Dua Volumo. Heroldo de Esperanto, Köln. 252 p. 23 × 15,5. Prezo : (1931-65).
Ch. BRONTË.— *Jane Eyre.* Tradukita de H. J. Bulthuis. W. J. Thieme, Zutphen. 493 p. 23,5 × 15,5. Prezo : Sv. Fr. 10.50 broŝ. 12.—. bind. (1931-66).
GIOV. PAPINI. — *Historio de Kristo.* — Editore A. Paolet, San Vito al Tagliamento, Italujo. 569 p. 20 × 13,5. Prezo : Sv. Fr. 10.— (1931-67).
***. — *Jubilea Matrikulo.* Sveda Esperanto Federacio. 116 p. 20 × 13,5. (1931-68).
JAN ZAWADA. — *Adreslibro de Pollandaj Esperantistoj.* Biblioteka Pracy Esperanckiej. 207 p. 19,5 × 14. (1931-69).
E. DREZEN. — *Skizoj pri Teorio de Esperanto.* EKRELO, Leipzig. 83 p. 24 × 16,5. (1931-70).
JULIO BAGHI. — *Printempo en Aŭtuno.* Heroldo de Esperanto, Köln. 114 p. 15,5 × 13. (1931-71).
K. KALOCSAY. — *Streĉita Kordo.* Literatura Mondo, Budapest. 189 p. 19,5 × 12,5. (1931-72).
K. KALOCSAY. — *Lingvo, Stilo, Formo.* Literatura Mondo, Budapest. 142 p. 19 × 13. (1931-73).
K. KALOCSAY. — *Rimportretoj.* Literatura Mondo, Budapest. 128 p. 14 × 10,5. (1931-74).
L. CERNOV. — *Fervojstacio Znamenka.* EKRELO, Leipzig. 15 p. 16 × 12. Prezo : Sv. Fr. 0.25. (1931-75).
***. — *23a Universala Kongreso de Esperanto.* Oficiala Raportaro. LKK. de 23a Kongreso, Krakow. 89 p. 22,5 × 15. (1931-76).
LOEDE BAEKELMANS. — *Elektitaj Noveloj.* Tradukita de Jan van Schoor. Flandra Esperanto Instituto, Kortrijk. 82 p. 20 × 15. (1931-77).
FLORENCE BARKER. — *La Lingvo de la Bestoj.* Heroldo de Esperanto, Köln. 23 p. 15 × 10. Prezo : Sv. Fr. 0.30. (1931-78).
GEO MILEV. — *Septembro.* Poemo. EKRELO, Leipzig. 29 p. 16,5 × 11,5. Prezo : Sv. Fr. 0.25. (1931-79).
G. D. NASH. — *Miniaturoj.* The Esperanto Publishing Co. Ltd. mendebla ĉe British Esperanto Association, High Holborn 142, London WC, 1. 58 p. 19 × 12. Sv. Fr. 3.20 bind. (1931-80).

---

# Lingvaj studoj

**Pri la uzado de iĝ anstatau pasivo**

*Respondo al s-ro Karl Pokorny.*

La Esperantistoj ne devis atendi ĝis la *lasta* tempo, por trovi la uzadon de *iĝ* anstataŭ pasivo. La dua frazo, citita de S-ro Pokorny, troviĝas en la Ekzercaro ; ĉe la citato mankas nur la vorto *aŭdi*. Tiu frazo ne sole ne pekas kontraŭ la Fundamento ; ĝi estas ankaŭ parto de la Fundamento mem ! Eĉ en la *unua* tempo de nia lingvo troviĝas tia frazo : en la Dua Libro (1888) sur paĝo 3 staras : « la bona genio de l'homaro vekiĝis » ( = estas vekita). Kelkaj frazoj en la Dua Libro montras, ke Zamenhof en la komenco intencis starigi sisteman diferencigon inter tiaj kategorioj ; sed la sperto baldaŭ montris, ke oni povas sen malutilo havi pli da libereco. En la Fundamenta Krestomatio, plejparte represita el la unua gazeto (1889 ĝis 1895), ni trovas *anstataŭiĝi* kaj *esti anstataŭata, direktiĝi* kaj *esti direktata, distingiĝi* kaj *esti distingata, distriĝi* kaj *distrata, kompreniĝi* kaj *esti komprenata, konfuziĝi* kaj *esti konfuzita, konstruiĝi* kaj *esti konstruata, konvinkiĝi* kaj *esti konvinkita, kovriĝi* kaj *esti kovrita, kreiĝi* kaj *esti kreata, kreita, leviĝi* kaj *esti levata, levita, malleviĝi* kaj *esti mallevita, lokiĝi* kaj *esti lokita, manĝiĝi* kaj *esti manĝita, metiĝi* kaj *esti metata, metita, montriĝi* kaj *esti montrita, moviĝi* kaj *esti movata, naskiĝi* kaj *esti naskita, perdiĝi* kaj *esti perdata, perdita, plenumiĝi* kaj *esti plenumita, prezentiĝi* kaj *esti prezentita, pruviĝi* kaj *esti pruvita, renkontiĝi* kaj *esti renkontata, renkontita renversiĝi* kaj *esti renversita, rompiĝi* kaj *esti rompita, ruliĝi* kaj *esti rulita, sanĝiĝi* kaj *esti sanĝata, sanĝita, ŝutiĝi* kaj *eti ŝutata, tiriĝi* kaj *esti tirata, trempiĝi* kaj *esti trempita trompiĝi* kaj *esti trompata, trompita, troviĝi* kaj *esti trovata, trovita, turmentiĝi* kaj *esti turmentata, turniĝi* kaj *esti turnata, turnita, vekiĝi* kaj *esti vekita, vidiĝi* kaj *esti vidata, vidita.* (La vorto *firmiĝi* troviĝas en la « Esperantisto » 1892, p. 91. kaj en Ijob XVII. 9.) Kun la kreskado de nia vortaro multiĝis la nombro de la verboj kun *iĝ* ; el la verkoj de Zamenhof mi kolektis pli ol 170, kaj ekzistas multaj aliaj. De la unua tempo de nia lingvo ĝis nun tiaj verboj faris bonan servon, kaj ne ekzistas sufiĉa motivo, por forigi ilin. estas jam tro malfrue, por restarigi la malnovan rigidan diferencigon, antaŭ longe forjetitan. « Ni ne devas peni, ke nia lingvo estu *tro* preciza. »

William BAILEY.

# Tra la Mondo Esperantista

## La Dua Kongreso de Lingvistiko en Ĝenevo

La Dua Kongreso de lingvistiko, kiu okazis en Ĝenevo de la 25a ĝis la 29a de Aŭgusto (la unua kongreso okazis 1928 en Hago), espereble signos epokfarantan daton en la historio de la movado por Internacia Lingvo.

Ĝis nun, inter la profesiaj lingvistoj nur malmultaj aprobis kaj helpis la movadon (ni memoru pri Schuchardt, Baudoin de Courtenay, Jespersen, Setäla), sed la plej multaj kaj ĝenerale la sciencaj asocioj kaj gazetoj estis tre skeptikaj. En la Ĝeneva kongreso la oficiala raporto, la konkludoj de la prezidantoj kaj la diskutoj estis ĝenerale tre favoraj al la ideo, kaj oni substrekis ke tio estas kvazaŭ « publika rehonorigo » de la ideo de L.I. inter scienculoj,

En la programo, la temo diskutota estis jena : « Kiu estas, laŭ vi, la rolo atribuenda, en la fariĝo kaj evoluo de la lingvoj (ĉefe en la formiĝo de la unuecigitaj lingvoj) unuflanke al la fenomenaj spontaneaj kaj al la senkonscieco, kaj ali lanke al la interveno de la volo kaj de la pripenso ?

Akcesore : Kion vi pensas pri la alpreno de artefarita lingvo kiel helplingvo ? »

Respondis pluraj lingvistoj (en la verketo : *Deuxième congres international de linguistes. Propositions reçues en réponse aux questions qui seront traitées en séances plénières*), kaj, en la kunsido de la 26a de Aŭgusto, prof. Jespersen (Kopenhago) legis la oficialan raporton, en kiu li, kun plene objektivaj kaj konvinkaj rezonadoj, substrekis la gravecon de la interveno de la konscio kaj de la volo en la t.n. naturaj lingvoj, kaj resumis la argumentojn favorajn al artefarita lingvo, insistante, ke la lingvistoj devas interesiĝi pri ĝi.

Prof. Meillet (Parizo), prezidanto de la kunsido, dankis prof. Jespersen pro la raporto, atentigante pri la graveco de la fakto, ke la problemo estas ektraktata de kunsidantaro de sciencistoj.

Multaj partoprenis en la diskuto : kompreneble ne povis manki absurdaj proponoj, kiel la alpreno de hispana lingvo por la rolo de internacia lingvo, la anonco de iu projekto de simpligita itala lingvo, ktp., sed pluraj utile aldonis argumentojn favorajn al nia afero.

Prof. Collinson (Liverpool) parolis pri la problemo de la korekteco en artefarita lingvo ; Prof. Funke (Bern) pri la laboroj de I.A.L.A. ; prof. Migliorini (Roma) atentigis pri kelkaj sociologiaj flankoj en la problemo de L.I., kaj ĉefe pri la graveco kiun havas vivanta artefarita lingvo, kiel Esperanto, kompare kun nur teoriaj projektoj.

La 29an de Aŭgusto, en la lasta kunsido de la kongreso, prof. Sechehaye (Ĝenevo) ankoraŭ atentigis siajn kolegojn pri la graveco de la demando konkludante ke « L.I. estas necesa, kaj iutage sukcesos ».

B. M.

Aldone ni rimarku, ke pluraj kongresanoj vizitis la Centran Oficejon de UEA kaj interesite rigardis la Bibliotekon, precipe la kolekton pri L.I. — UEA aranĝis en la kongresejo ekspozicion de plej vidindaj verkoj en Esperanto kun senpage disdono de taŭgaj propagandiloj. (Red.)

## Esperanto en internacia kongreso por aŭtomobil-stratoj

De l'31. 8 ĝis la 2. 9. okazis en Ĝenevo la 1-a Mondkongreso por aŭtomobil-stratoj (aŭtomobil-vojoj) organizita de S-ro Lainé, Direktoro de la internacia oficejo por aŭtomobil-stratoj. La kongreso okazis en salono disponigita de la Internacia Labor-Oficejo. La kongreson malfermis S-ro A. Thomas, Direktoro de tiu ĉi oficejo.

La 1. 9. la Direktoro de ICK, S-ro Kreuz, kiu ĉeestis tiun ĉi kongreson, kiel delegito-observanto de la registaro de Liĥtenstejno, laŭ invito de la ĉeforganizanto de la kongreso, S-ro Lainé, grava industriulo en Parizo, faris dekminutan paroladon en franca lingvo, pri la aŭtomobil-signalado kaj uzo de internacia helplingvo elmontrante la utilojn de Esperanto por surskriboj de atentigo, afiŝo, klarigo de signoj, vojoj ktp. kaj submetis al la kongreso la sekvantan dezir-esprimon :

Konsiderante, ke la turismo tiel por la intensigo de l'propagando kiel por la komforteco de l'vojaĝoj, estos multe helpata per la uzo de la internacia helplingvo,

ke neniel povos esti demando domaĝi al la naciaj lingvoj, kiuj estas ne-pereeblaj, sed ĝeneraligi specon de universala kodo de korespondado kaj de lingvo de interpretado inter la nacioj,

ke kunlaboranto de la Esperanto-Movado en pli ol 80 landoj de la mondo povas doni sian praktikan helpon,

la konferenco esprimas la sekvantan deziron :

1) ke la turismaj kaj teknikaj grupiĝoj interesitaj en la kampo de ĉi tiu konferenco utiligu kaj etendigu en la intereso de vere internacia kooperado la uzon de Esperanto,

2) ke la grupiĝoj interesitaj pri la demandoj de ĉi tiu konferenco antaŭvidu la laŭgradan enkondukon de Esperanto kiel helplingvon apud la naciaj lingvoj por signalado (signoj, fostoj, afiŝoj, geografiaj kartoj, legitimacioj, pasportoj, triptikoj ktp.)

3) ke speciala komisiono okupu sin pri la teknikaj detaloj, rezultantaj el realigo de tiu ĉi dezire en mezuro de ebleco.

La parolado trovis multan atenton kaj varman aplaŭdon de seriozaj praktikistoj. La kongreso, kiel libera kunveno de interesitaj fakuloj ne havis apartan decid-povon, sed post mallonga diskuto estis aprobita la propono doni al la rezolucio la moralan apogon de la konferenco.

## Mondvojaĝo SCHERER

*Informoj de ICK.*

ICK per tio informas, ke ĉiuj leteroj rilate organizon de la paroladoj de S-ro Scherer devas esti adresataj al Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, 11, rue du Mont-Blanc, Genève, kiu okupas sin pri ĉio, ankaŭ pri teknikaj detaloj.

Artikoloj de s-ro. Scherer estas ĉiam represeblaj, se ne estas kontraŭa noto ĉe la titolo de la artikolo. Sed ICK nepre atendas, ke tradukanto havigu por statistikaj celoj 3 ekzemplerojn de ĉiu publikigo, el kiuj unu estas destinita por la oficiala dokumentaro kaj du por s-ro. Scherer mem. Tiaj publikigoj estas plej bona propaganda materialo pri la valoro de Esperanto. Ĝis nun aperis tradukoj en 25 lingvoj.

*En Skandinavio*

La postkongresa vojaĝo de la speciala delegito de ICK, S-ro. Scherer, estas grandega sukceso. Forlasinte Skandinavion, S-ro. Scherer jam eniris Germanujon. Ni donas ĉi tie mallongan kronikon : *Narvik (Norvegujo)* 30.8 (Vidu gazeton « Heroldo de Esperanto » nº 38). *Kiruna (Laplando, Svedujo)* 1.9. 200 personoj. *Malmbergel* (2.9. Laplando) 100 personoj. Temo en ambaŭ lokoj : *Hollywood* — Japanujo. Härnosand, 4.9. 25 personoj, malfavora ejo. Sundswall, 5.9. 100 personoj. Sekvis gaja te-kunveno ĝis malfrua horo, *Gävle* 6.9. 50 personoj ; temo : Indo-Ĥinujo-Siamo (sen traduko). *Uppsala* 7.9. 100 personoj. *Stockholm* 8.9. 150 personoj. Aparta gazetara propagando, radio-parolado, *Eskilstuna*, 9.9., 30 personoj. *Norköping* 10.9. 150 personoj. *Linköping* 11.9. *Örebro* 14. 9. 50 personoj. Postaj paroladoj en Oslo kaj Bergen (Norvegujo) 13-16.9. Radio-paroladoj en Oslo. *Uddevalla* 17.9. *Göteborg* 18.9. 150 personoj., *Borås* 19.9. *Lidköping* 20.9. *Jönköping* 21. 9. *Lanstro* 22.9. *Karlskrona* 23. 9. *Lund* 24. 9. *Ystad* 25. 9, 100 personoj. *Trelleborg* 26. 9. *Hälsingborg* 27. 9. *Malmö* 28.9. !(Radio-parolado) *Holbäk* (Danujo) 29.9. 200 pers.

*En Germanujo*

Post labor-riĉa monato en Skandinavio, S-ro Scherer jam alvenis en Germanujo. Fluginte per aeroplano de Kopenhago al Lübeck, li tie eksterprograme faris paroladon, la 30.9., en la Metia Unuigo (Gewerbeverein) antaŭ 750 personoj. Granda sukceso. Hamburg, 1.10, parolado en « Ueberseeklub », la plej eleganta klubo de tiu ĉi urbo. Ĉeestis 500 personoj. Münster i. W. parolado en Grupo de l'Germana Ŝtatoficista Asocio (Deutscher Beamten Bund) 175 pers.

# Turismo

## Aŭstrio

Sinsekve aperas io en Aŭstrio. De nove la Ministerium für Handel und Verkehr (ministerio por Komerco kaj Trafiko eldonis luksan faldprospekton, 25 cm. alta 11,5 cm larĝa kun belaj bildoj kunigitaj laŭlonge de 70 cm da spaco (malfaldita). Taŭga geografiia karto de Aŭstrio kompletigas la varbilon. Al S-ro Hugo Steiner, Regierungsrat, oni devas danki la eldonon de tiu ĉi vere bela kaj montrinda presaĵo.

Gvidlibro tra Latvio.

Latvio, lando de sukceno ankaŭ komencas interesi la turiston. Krom Riga la ĉefurbo estas konataj pli malpli la urboj Liepaja, Daugavpils, Jelgava kaj Ventspils. Pri tio informas bone broŝureto eldonita de la Ministerio por Eksterlandaj Aferoj per la kunhelpo de la Riga Societo Esperantista. 20 cm alta, 10 cm larĝa, 12 paĝoj, geografia karteto, 8 bildoj.

ZAKOPANE.

En pola parto de la Tatra Montaro troviĝas altmontara saniga loko Zakopane, moderne instalita. Gvidfolio (faldita), alta 21 cm, larĝa 10 cm, 11 bildoj, eldonita okaze de la 23a kongreso kaj disdonita al la kongresanaro.

ĈEHOSLOVAKUJO : VYSOKÉ TATRY.

Broŝuro el la serio de la propagandaj monografiioj de la ĉsl. ŝtata fervojaro, eldonita de la Ministerio por fervojoj. 24 paĝoj 23 cm alta, 10 cm larĝa, kolora kovrilo, kolora landkarto, du fervojaj kartoj, 40 bildo kaj du koloraj reproduktaĵoj de pentraĵoj de Otakara Stáfl Teksto de D-ro Belohlav, tradukita de D-ro Pitlík.

BIALYSTOK.

Okpaĝa gvidfolio laŭ la serio de UEA N-ro 24, eldono dekmil ekzempleroj. Verkis J. Ŝapiro, ĉefdelegito de UEA, eldonis la Urba Magistrato. Kun bildo de la naskiĝdomo de D-ro Zamenhof. Ricevebla pere de la Turisma Servo de UEA.

LJUBLJANA.

*Ljubljana*, komunuma sekcio por fremdultrafiko eldonis, kiel unuan provon, gvidfolion pri la urbo en Esperanto. Ĝi aperis en 2000 ekz. kaj trovis grandan intereson inter la tutmonda esperantistaro, tial decidiĝis la fremdultrafika societo uzi Esperanton, ankaŭ en estonteco.

*Turistpropaganda libro enhavas esp. artikolon.* La fremdultrafika societo « Progres » eldonis 500 paĝan libron pri « Gorenjsko », la plej bela parto de Slovenio, kiu enhavas esp. artikolon pri « Gorenjsko ». La libro aperis fine de monato sept. kaj kostas nur Din. 40. (sv. fr. 4.—).

LAPLANDO.

« Gvidlibreto pri Lappland », eldonita de Esperanta Turista Komisiono, Kiruna. Prezo : 1 respondkupono.

Esperanta Turista Komisiono (E.T.K.) jus eldonis ankoraŭ unu gvidlibron, tiun ĉi fojon pri Laplando, t.e. la plej norda parto de Svedlando kaj Norvegujo. La libro aperas pro tio ke envenis deziroj pri libro en esperanto pri Laplando, kaj ankaŭ ĉar estona E.T.K. decidis aranĝi specialajn turistvojaĝojn tien. La unua turistvojaĝo el Estonio al Laplando okazis sufiĉe multnombra en la pasinta somermezo.

La gvidlibro pri Lappland donas vivantan kaj interesan priskribon pri la regionoj, kiujn oni traveturas survoje Lulea — Narvik. Multaj bildoj troviĝas en la libro 40-paĝa, kiu certe estos kun granda ĝojo akceptata de esperanto-parolantaj turistoj.

VISBY.

« Visby, la urbo de la rozoj kaj ruinoj », eldonita de Esperanta Turista Komisiono, Visby. Prezo : 1 respondkupono.

Esperanta Turista Komisiono (E.T.K.) en tiu ĉi jaro eldonis gvidlibron pri la urbo Visby sur la insulo Gotland (Svedlando). La kreskanta esperanto-turismo eksentis la bezonon pri priskribo de Visby, la plej interesa sveda urbo el la Hansa-periodo. La gvidlibro rakontas, rondirante la urbon, ĝiajn plej interesajn lokojn ka konstruaĵojn. En la tekston estas plektitaj la plej gravaj historiaj datoj. La gvidlibro estas presita sur kreta papero kaj enhavas belan bildaron.

# Vizito ce la Danziga Esperanto-Patrineto

de Gerda Spiess.

Ree mi sidas ĉe mia amata Esperanto-Patrineto ANNA TUSCHINSKI, nun preskaŭ 90-jara. Estas vera ĝuo auskulti la blankharulinon kun juna koro kaj brilaj okuloj, kun la freŝa menso kaj la nobla, patrina animo. La patrineto rakontas. Pri kio ŝi rakontas al kio ŝi dediĉis sian tutan vivoforton, sian tutan koron — pri Esperanto.

Ŝiaj vortoj formiĝas antaŭ mi bildojn, historiajn bildojn el la ora libro de la Esperanto-movado. Mi foliumas la libron :

1907. Anna Tuschinski, la meritplena 66 jara Danziga pedagogino sidas ĉe amata Balta maro en Zoppot. Ŝiaj manoj tenas libreton de iu « Doktoro Esperanto ». Murmuras la ondoj de la maro, murmuras la lipoj de la virino. Ŝi lernas vortojn. Aŭtuno 1907. Anna Tuschinski varbas lernemulojn. Kun arda idealismo kaj celkonscia energio ŝi agas — kaj sukcesas. Jam en Novembro 1907 ŝi fondas la Danzigan Esperanto-Asocion.

1908. Universala Esperanto Kongreso en Dresden. Anna Tuschinski, la 68 jara « juna » Esperantistino travivas tie kelkajn plej belajn tagojn de sia vivo. Ŝi renkontas tie Mudie, Marie Hankel kaj nian Majstron ! En sia ĉambro pendas iom flaviĝinta fotografaĵo el Dresden. Ĝi montras la momenton, kiam nia majstro malsupreniras ŝtuparon. En la mano li tenas rozbukedon. Respektplene, salutante formas spaliron la kongresanoj. Inter ili en la unua vico oni rimarkas la Danzigan Esperanto-pionirinon, kiu jus transdonis al la majstro la rozbukedon. 1908, la naskiĝjaro de UEA. En Dresden okazas la unua kunsido de la Universala Esperanto-Asocio. Inter la unuaj delegitoj, kiujn oni elektas, troviĝas ankaŭ Anna Tuschinski.



1911. La persona renkonto kun la majstro, la interne plej granda homo, kun kiu ŝi konatiĝis laŭ ŝia diro, pliinstigas ŝiajn fortojn. Ŝi instruas sukcese Esperanton al geknaboj, al asocioj, eĉ al tutaj taĉmentoj da soldatoj, kiuj kvardekope kaj kvindekope ĉiusemajne marŝas al sia « Esperanto-hejmo » laŭ ordonita signaldiro « Esperanto ». Mokoj ne kapablas deteni ŝin de la laboro. Ŝi venkas ĉion kun sia ĉarma vigleco, kun sia konfirmiga afableco.

Laŭ ŝia instigo okazas 1912 en Danzig la Germana Esperanto-Kongreso. La Esperanto-vivo floras tie. Ĉiam Anna Tuschinski estas la centro, kiu vigligas, konsilas, interpaciĝas, kapo kaj koro de la Danziga Esperanto vivo. Ĉiam modesta, ĉiam helpema, ĉiam pardonema. Tamen kompreneble ŝia vivovojo ne nur estis rozruĝa kaj sennuba. Venas gravaj malhelpoj, akraj atakoj, perdoj kaj malĝojo.

La plej kruela bato estas la mondmilito. Ĝi detruas sian tutan Esperanto-verkon en Danzigo. Ankaŭ dum milito Anna Tuschinski ne ripozas. « Ripozi estas rustiĝi » diras germana proverbo. Ŝia varma koro igas ŝin helpi al rifuĝinto, al vunditoj. Dum nokto kaj tago ŝi agas kaj helpas, sed Esperanton ŝi ne forgesas. Post la milito ŝi denove kolektas siajn « Esperanto-infanojn » ĉirkaŭ si, kiuj jam delonge nomigis ŝin « Esperanto-Patrineto ». Multaj samideanoj ne revenis de l'milito. Ŝi varbas novajn.

La jaro 1927 plenumas ŝian kordeziron. Okazas la XIXa Universala Kongreso en Danzigo. La unua dancparo tiam, dum la internacia balo estis la malgranda Esperanto-Patrineto gracie moviĝante, ridetante kun la frato de nia Majstro.

La 4an de Decembro 1931 Anna Tuschinski festos sian 90-an naskiĝtagon ! Ĝis hodiaŭ ŝi restis la sama. Ankoraŭ nun centro de la Danziga Esperanto-vivo, neniam mankante ĉe gravaj membrokunsidoj, ĉe estrar-kunvenoj, ĉe esp. festo. Ĉiam lerta, bonkora, serĉema Esperanto-Patrino, kiu ĝuas en ĉiuj rondoj de Danzigo, de Esperantujo amon kaj admiron. Ni ne miru pro ŝia freŝeco, ni ja konas la junigan rimedon, ne permesante ian halton kaj « rustiĝon », estas Esperanto. Ni lernu de la 90jara Esperanto-Patrino!

# 23a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO KRAKÓW 1931

## SOLENA MALFERMA KUNSIDO

**la 1 Aŭgusto 1931 en la Festsalono de la Katolika Domo (Domu Katolickiego)**

Jam duonhoron antaŭ la malfermo la salono komenciĝas pleniĝi. Ĉie eksonas nia lingvo kaj maltrankvile oni atendas la proksiman solenon. Iom post iom ankaŭ la galerio estas okupita. Sur la podio prenas lokon la estraro ĉe la prezidanta tablo; malantaŭ ĝi en duoncirkla seĝaro sidas la oficialaj reprezentantoj kaj la delegitoj de la div. nacioj kaj institucioj. La salono estas tre simple, sed dec-imprese ornamita. En la fono oni vidas la polan ŝtatan blazonon: la pola aglo. Maldekstre antaŭe staras bildo de D-ro Zamenhof. Sur la galerio estas orkestro. Per solenaj preludaj akordoj ĝi enkondukas la kunvenon. Al tio sekvas la pola nacia himno.

Je la 19a horo Sro. Bernhard Long-Londono, prezidanto de la 22a Universala Kongreso en Oksfordo malfermas la kongreson per jena alparolo:

*Alparolo de sro. Bernhard Long, Londono.*

Estimataj sinjorinoj kaj sinjoroj,

kiel prezidinto de la Oksforda Kongreso de l'lasta jaro mi havas la honoron stari antaŭ vi por komenci la formalan agadon de la nuna kunveno. Sed antaŭ ol mi plenumas tiun devon, mi deziras plej kore saluti vin kaj aparte saluti vin en la nomo de la eksterlandaj kongresanoj, kiuj venis al la gastama urbo Krakovo kaj povos bone ŝati kaj taksi la valoran servon al nia movado, faritan de la krakovaj samideanoj. El Pollando kaj aparte el Krakovo venis al nia lastjara kunveno en Anglujo bona aro da esperantistoj kaj ni angloj do precipe ĝojas pro nia ĉeesto ĉi tie kaj ke ni povas reciproki la viziton de l'pollandaj amikoj lastan jaron al nia lando. Ke ni povas veni al ĉi tiu glora lando kaj la historia urbo Krakovo. Antaŭ 19 jaroj okazis en ĉi tiu urbo alia esperantista kongreso, kiu estis, de kelkaj vidpunktoj, unu el la plej gravaj en la historio de nia movado. Mi forte esperas, ke la nuna kongreso estos ne malpli grava kaj bonefika al la disvastigado de nia lingvo kaj la firmeco de ĝia stato inter la nacioj de l'mondo.

Ĉi tie mi permesas al mi uzi kelkajn elokventajn vortojn, jen donitajn al nia Loka Kongresa Komitato: Denove post 19 jaroj revenas tutmonda esperantistaro al malnova bela, pola urbo Krakovo, denove ĉe l'Vistula bordo sonas potenca voĉo de komuna lingvo, de lingvo kies nomo estas paca internacia interkompreno kaj amo. Revenas migranta popolo de l'esperanta patrujo al lulilo de ĝia lingvo, al lando super kiu unue ekbrilis radioj de brilanta verda stelo.

Samideanoj! Floru Krakovo, floru la nova reliberigita Polujo, la naskolando de nia kara lingvo kaj de ĝia kreinto Zamenhof. (Vigla aplaŭdo)

(Laŭ stenografaĵo Rob. Kreuz (Stolze-Schrey)

Sro. Long poste legas la liston de la proponita kongresestraro:

*Hononora Prezidanto:*

Prof. Dro. Edm. Zaleski, rektoro de la Universitato, Krakovo

*Prezidanto:*

Prof. Dro. Odo Bujwid, Krakovo

*Vicprezidantoj:*

Fraŭlino R. Weinsberg, Krakovo
Sro. R. R. Robertson, Londono
Sro. Prof. Dro. Kamaryt, Bratislava
Sro. Einar Dahl, Uddevalla
Sro. Dro. K. H. Friedmann, Dresdeno
Sro. Prof. Dro. Christanell, Salzburg
Sro. Enthoven, Hago
Sro. Georges Warnier, Parizo
Sro. Prof. Dro. Canuto, Torino
Sro. Fox, Dancigo
Sro. Joh. Karsch, Dresdeno
Sro. Frans Schoofs, Antverpeno
Sro. Konsil. Szasz, Budapesto
Sro. Talivaldo Indra, Riga
Sro. Radev, Ruse, Bulg.
Sro. Prof. Dro. Kaŭahara, Tokio

*Konst. Ĝen. Sekretario:*

Sro. Rob. Kreuz, Ĝenevo

*Ĝen. Sekretarioj:*

Sroj. Hodakowski, Rudnicki, Krakovo

*Vicsekretarioj:*

S-ino Dro. Rozental, Sro. Dro. Ziomek, Krakovo

*Asistanto:*

Sro. Dombrovski, Krakovo

La listo estas akceptata per aklamo kaj aplaŭdo. *Sro. B. Long* post tio transdonas la seĝon de prezidanto al sro. Prof. Dro. O. Bujwid-Krakovo, akceptata kun multa aplaŭdo de ĉiuj kongresanoj.

*Sro. Prof. Bujwid* kortuŝite dankas pro la honoro farita al li kaj varme salutas la ĉeestantajn reprezentantojn de aŭtoritatoj kaj ĉiujn esperantistojn de la kongreso. Ĉar la malferma kunsido estas disaŭdigata per radio, la prezidanto parte parolas pole kaj poste daŭrigas en Esperanto. Li esprimas sian ĝojon, ke spite al la malfavora situacio en tuta Eŭropo respektinda nombro da esperantistaj gastoj venis al la kongreso. Li petas, ke la kongresanoj vizitu la urbon kaj ĝiajn belaĵojn, ankaŭ la ĉirkaŭon kaj travivu semajnon de ĝojigaj momentoj kaj rememoroj sur pola grundo. (Vigla aplaŭdo)

Sro. Prof. Bujwid poste transdonas la parolon al la prezidanto de la I.C.K. por la tradicia festparolado.

## PAROLADO DE SRO. JOHN MERCHANT, SHEFFIELD PREZIDANTO DE LA I.C.K.

Sinjoro Prezidanto kaj
Karaj gesamideanoj,

Por la tria fojo mi havas la honoron, saluti la Universalan Kongreson de Esperanto en la nomo de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado. Al vi s-ro prezidanto mi salutas ne nur en la nomo de nia komitato, sed en la nomo de la tuta esperantistaro. Ni ĉiuj bone scias, ke en nia nuna prezidanto ni devas vidi unu el la plej fidelaj esperantistoj, kiujn la movado jam konis. Li estis intima amiko de nia kara Majstro. Li estas fidela disĉiplo de la fundamenta principo de nia lingvo kaj estas ĝojo kaj plezuro vidi lin en la prezidanta seĝo hodiaŭ. Mi ankaŭ deziras saluti la ĉeestantajn diplomatojn kiel kunbatalantojn en tiu ĉi kongreso kaj la oficialajn reprezentantojn de la aliaj nacioj. Mi bonvenigas ilin kaj esperas, ke ilian ekzemplon estonte sekvos pli multaj.

Estas kun la plej profunda ĝojo, ke ni, kiuj venis el landoj proksimaj kaj malproksimaj... trovas nin hodiaŭ en la bela lando Polujo... la lando, en kiu nia majstro naskiĝis... la lando, kiu hodiaŭ donas al lia laca korpo trankvilecon kaj pacon.

Sed ne imagu, ke li mortis... la vere grandaj bonfarantoj de la homaro vivas por ĉiam. La esperantistaro bone scias, ke neniu homo iam faris pli noblan servadon al la homaro ol Zamenhof, kaj li, same kiel ĉiuj aliaj granduloj ankoraŭ vivas.

La Majstro dormas, sed lia spirito estas libera... ĝi estas kun ni je la nuna momento por kuraĝigi kaj beni vin... por danki nin por la laboro, kiun ni faras en lia nomo.

Kaj ni ankaŭ havas kun ni hodiaŭ la anojn de lia familio. Ni salutas kaj bonvenigas ilin, kaj ni dankas ilin pro la senĉesa subtenado... morala kaj praktika... kiun ili donas al la movado. (Vigla Aplaŭdo).

Mi forte esperas, ke vi ĉiuj, karaj anoj de la Zamenhofa familio, vivos por vidi la finan venkon de la nobla ideo, kiun Dron. Zamenhof donacis al la homaro.

Lastan jaron en Oksfordo mia kara amiko Prof. Cart sidis ĉe mia flanko. Hodiaŭ li estas en sia ĉiela hejmo, sed kiam li forjetis siajn terajn zorgojn, lia servado por Esperanto ne ĉesis. Ne, la ekzemplo de lia granda laborado restos kun ni por ĉiam kaj inspiros nin al pli bona laboro.

Alia brava batalanto por nia afero, D-ro Sos el Vieno, ankaŭ forlasis nin kaj ni estas pli malriĉaj post lia foriro. Ankoraŭ aliaj, malpli elstaraj, bravaj samideanoj forlasis nian teron. Ne estas eble citi ilin ĉiujn. Sed ilia memoro restos ĉiam dankeme en niaj koroj pro ĉio, kion ili faris por nia afero.

Al la familioj de la mortintoj mi sendas profundan kondolencon.

Mi petas, ke vi stariĝu kelkajn momentojn por honori la nomojn kaj memorojn de niaj karaj samideanoj. (La kunsido leviĝas. La prezidanto dankas).

Homoj venas kaj homoj forpasas, sed feliĉe la movado, same kiel granda rivero ĉiam fluas al la celo.

Estas mia kutimo, studadi la historion de lando antaŭ ol viziti ĝin. Kaj tial mi jam legis pri la glorindaj epokoj, kiam Polujo estis sur la sama alteco kiel la ĉefaj nacioj de Eŭropo, tute egala kun ili laŭ potenco kaj aŭtoritato... pri la tempoj, kiam noblaj reĝoj estris la landon kaj la famo de la polaj soldatoj estis konata tra la tuta kontinento... pri tiuj gloraj tagoj, kiam la suno de prospereco brilis super la lando kaj la ĉielo estis sen ombroj.

Bedaŭrinde, tagoj poste venis, kiuj alportis al la pola popolo nur mizerojn, kiam la lando estis atakata ĉiuflanke de fremdaj armeoj, kiam iom post iom la bravaj poloj perdis sian sendependecon kaj fine, en la plej malluma tago el ĉiuj, kiam la tuta lando vivis sub la feraj kalkanumoj de alilanduloj.

Ho, karaj samideanoj, ju pli multe oni pensas pri la malfeliĉa sorto de la malgrandaj landoj kaj des pli multe oni devas senti por ili profundan kompaton.

Mi deziras konstati, kun la tuta forto de mia koro, ke estas la devo de ĉiu malgranda lando senĉese klopodi por sukcesigi la universalan akcepton de nia lingvo, ĉar per Esperanto — kaj sole per Esperanto — la mondo fine gajnos tiun pacon, kiu estos vera garantio por la sekureco de l'malgrandaj kontraŭ la pli grandaj nacioj. (Granda Aplaŭdo).

Hodiaŭ ni ĉiuj sopiras pro la nuligo de la milit-ŝuldoj, sed kvankam tio estas bona kompenso, ni bezonas la nuligon de la MALAMO, kiu ankoraŭ ekzistas inter la diversaj nacioj.

Kun profunda doloro mi legis en la historio de Polujo pri tiuj mallumaj tagoj, kiam la tiamaj estroj de la lando malpermesis al la poloj, ke ili parolu sian gepatran lingvon.

Oni ordonis kaj la poloj laŭŝajne obeis, sed nur laŭŝajne. Ĉar post la sekureco de la ŝlositaj pordoj de la hejmo ili ĉiam parolis pole. En la stratoj ili ĉiam pensis pole kaj en la koroj ili ĉiam preĝis pole. Pro tio la lingvo de Polujo ne mortis, ĝi vivis kaj ĉiam ankoraŭ vivadas, dank'al la fideleco kaj la kuraĝo de ĉi tiu popolo.

Facile estas por aŭtoritato enjeti la korpon de homo en malliberejon. Sed feliĉe ne estas homa povo, kiu kapablas enĉenigi la pensadon. Vi hodiaŭ estas libera popolo kaj via lingvo, via nacio pro tio vivos por ĉiam.

Memorante pri ĉi tiuj faktoj, ni, kiuj venis el aliaj landoj, partoprenas la grandan ĝojon de niaj polaj samideanoj, ke hodiaŭ ni povas kunveni en plena libereco sub la nacia standardo de Polujo, kiu estas simbolo de sendependeco. Mi preĝas, ke tiu simbolo flirtu super feliĉa popolo kaj paca lando por ĉiam.

Eĉ dum la periodo de suferado Polujo naskis noblajn homojn, kiuj gajnis internacian reputacion en la sferoj de arto, muziko, scienco kaj kulturo. Se oni demandus : Kiuj estas la plej famaj filoj de Polujo, la plimulto eble respondus : Chopin kaj Paderewski. Sed la tago baldaŭ venos, kiam ĉiu homo tra la tuta mondo konsentos, ke la plej fama kaj la plej nobla el ĉiuj filoj de la lando estas nia amata Zamenhof, kiu faris la plej grandajn, noblajn servojn. (Forta aplaŭdo).

Kaj tion mi diras spite al la fakto, ke je la nuna momento preskaŭ ĉiuj suferas pro la malbonaj ekonomiaj kondiĉoj, kiuj ekzistas tra la mondo, spite al la fakto, ke tiu giganto de malespero — la pesimismo — eniris la korojn de milionoj da niaj kunvivantoj.

Pro pesimismo ili perdis sian kuraĝon. Malespero atakas ilin. Mallumo ĉirkaŭas ilian vivon.

Ni soldatoj de la granda armeo de amo kaj espero ne rajtas imiti ilin. Sed bedaŭrinde estas eĉ inter ni kelkaj, kiuj suferas pro pesimismo, kiuj imagas, ke nia afero ne plu progresas, kiuj eĉ plendas, ke ni perdas grundon. Tio ne estas vera.

Ili ne scias la faktojn. Nia afero senĉese kreskas kaj plifortiĝas de tago al tago.

La fina celo estas ankoraŭ tre malproksima, sed ĉiutage ni forigas de la vojo pluajn barilojn kaj pligrandigas la kampon de niaj entreprenoj.

Kiam oni simple rigardas antaŭen kaj vidas, ke la celo estas ankoraŭ je granda distanco, oni havas timon. Sed tio ne estas la taŭga metodo por mezuri sukceson. Oni devas ankaŭ rigardi malantaŭen kaj vidi, kiom multe da progreso estas jam farita.

Ekzemple, antaŭ 40 jaroj la esperanto-movado similis al malgranda glano. Hodiaŭ la malgranda glano fariĝis forta kverko, kies radikoj etendiĝas ĝis la plej malproksimaj regionoj de la mondo.

Sed kion pri hodiaŭ ? demandas la pesimistoj. Kaj kun ĝojo mi ankaŭ respondas pri hodiaŭ.

Ĉu vi ne legis pri la mondvojaĝo de la speciala delegito de la I.C.K., nia amiko s-ro Jos. Scherer, kiun mi tutkore salutas tie ĉi. (Aplaŭdo). Ĉu vi ne sciiĝis pri la sukcesplenaj kunvenoj en kiuj li lerte propagandas nian aferon. Ĉu vi ne komprenas, ke hodiaŭ, dank'al la lia klopodo, la stelo de Esperanto nun brilas kun pli forta potenco tra la tuta oriento ? (Aplaŭdo).

Ĉu vi forgesas la sukcesojn de s-ro Jungfer kaj de liaj kunlaborantoj en la sfero de mond-radio aŭ la laboradon de la nova gazetara komisiono sub la prezidanteco de nia amiko s-ro Avril ? Ĉu vi ne notis la eldonon de novaj ŝlosiloj de Esperanto por ne bone konataj lingvoj. Ĉu vi ne scias, ke la ampleksega korespondado inter nia oficejo en Ĝenevo kaj ĉiuj landoj tra la terglobo ĉiam pligrandiĝas. Ĉu vi ne vidis la raportojn pri la sukcesoj de s-ro. Ĉe, kiun ni bonvenigas tutkore (Longa, ripeta aplaŭdo). S-ro. Ĉe plene meritas la aplaŭdon. Sed ankaŭ la aliaj homoj, kiuj ne estas tiel bone konataj kiel li. Ĉu vi scias pri la donaco de gesinjoroj Yelland por esperantista libertempejo aŭ pri la diskutado, kiu okazis en Vieno ĉe la Kongreso de l' Rotario-kluboj, dank'al la klopodoj de Sir Charles Mander kaj sinjoroj Warnier kaj Steiner kun la subteno de ICK aŭ pri la rekomendo de la Brita Unuiĝo por la Ligo de Nacioj, pri kiu raportis S-ro Durrant, fine pri la Esperanto-Muzeo en Vieno, gvidata de s-ro Steiner... (S-ro Steiner entuziasme aperas en la antaŭo de l'podio, disfaldas la originalan standardon de Bulonjo kun la subskribo de l'Majstro kaj direktas kelkajn alvokajn vortojn al la Kunsido)...

Kaj oni plendas, ke nia afero ne progresas. Eĉ mencio de niaj diversaj sukcesoj farus longan katalogan. Tamen, antaŭ ol flankenmeti la temon, mi ŝatus altiri atenton al la literaturaj trezoroj, kiuj aperis en la daŭro de la lastaj du-tri jaroj. Inter ili estas : la Originala Verkaro de D-ro Zamenhof, «En Okcidento nenio Nova», «Jarmiloj pasas» « Per Balono al la Poluso », « Tridek jaroj en la Ora Nordo », k.a.

Mi citis nur 5 el eble cent belegaj kaj valoraj verkoj, sed eĉ tiuj devas kontentigi la dubantojn. Ĉar per la literaturo de lingvo oni vidas klare la potencon kaj viglecon de la lingvo mem.

Ĉu ankoraŭ restas inter vi eĉ unu, kiu apartenas al la generacio de infanoj, kiuj ne havas en si fidelecon ?

Se jes, mi povas fari nur unu pluan sugeston. Kiam multaj homoj partoprenas la laboron, eĉ la plej grandaj taskoj fariĝas facile fareblaj. La piramidoj de Egiptujo ne kreskis el la tero, sed estis konstruataj ŝtonon post ŝtono. La sola metodo por forigi dubojn, estas per agoj.

Do, la dubantoj devas duobligi siajn proprajn klopodojn por pli fortigi la niajn. Kaj dum la laboro la duboj malaperos kiel la ombro je la apero de la suno.

Esperantistoj ne rajtas esti pesimistoj, ĉar la faktoj klare montras, ke nia movado, spite al multaj grandegaj malfacilaĵoj, konstante progresas. Mi havas la plej fortan fidon rilate nian finan venkon, ĉar la Bona Dio, kiu benis niajn klopodojn dum tiom multe da jaroj, neniam forprenos de ni sian subtenadon.

Havu fidon, karaj amikoj, kaj la bela lingvo Esperanto kreskos kaj floros tra la mondo kaj benos la tutan homaron. For la dubojn ! For la Pesimismon ! (Aplaŭdego).

Entute la esperantistaro konsistas el bonegaj homoj, sed tie kaj tie estas kelkaj, kiuj estas veraj dornoj en la karno. Ekzemple estas tiuj, kiuj plendadas, ke niaj kongresoj ĉesis esti sufiĉe gravaj kaj seriozaj aferoj, ke la kongresanoj pli ŝatas sin amuzi ol partopreni en la laboroj, ke la baloj, koncertoj kaj ekskursoj elvekas pli grandan entuziasmon ol la labor-kunvenoj.

Kaj kial ne ? — Mi kredas, ke la plimulto el vi venis al Krakovo por pasigi feliĉan libertempon, por meti sian sciadon de Esperanto al praktika uzado, por aŭskulti la paroladojn de kelkaj spertuloj, sed ne por aŭdi longajn diskutojn aŭ eĉ disputojn pri organizaj detaloj aŭ pri fak-raportoj, pri kiuj vi ne havas apartan intereson, nek konon.

Vi agas saĝe kaj mi farus la samon, se la direktoro de ICK, s-ro Kreuz, tion permesus. Sed li estas vera sklavigisto. (Rido). Li ĉiam laboras kaj devigas, ke mi, la prezidanto, sekvu lian ekzemplon. Mi metas min al la flanko, de tiuj, kiuj ŝatas la amuzadon kaj nia majstro mem certe havis simpation kun ili. La plendantoj forgesas la vortojn, kiujn li parolis en Kembriĝo. Li diris : « Ĉiujare ni kunvenas en la ĉefurbo de Esperantujo por vigligi en ni la amon al la ideo esperantisma kaj tio estas la ĉefa esenco kaj la ĉefa celo de niaj kongresoj ». La majstro ne diris eĉ unu vorton pri laboro. Li nur deziris, ke oni venu al la ĉiujaraj kongresoj por vigligi en si la amon al la ideo. La plendantoj ne komprenas, ke ju pli multe oni ĝuas kongreson, des pli multe oni gajnas novan entuziasmon kaj pligrandigas sian amon por la nia afero.

Tamen ne imagu, ke mi ne deziras, ke vi ĉeestu la labor-kunvenojn. Tute kontraŭe ! Mi kore invitas vin fari tion, ĉar vi multe profitos per partopreno kaj ni mem tre ŝatus vian subtenadon. Sed se vi pli ŝatas ĉirkaŭiri la urbon, mi ne plendos. La ĉefa afero estas akiri amason da belaj kaj feliĉaj memoroj. Ĉar post la hejm-reveno tiuj memoroj nepre instigos vin al pluaj servoj por la movado kaj tiamaniere la ĉefa celo de niaj kongresoj efektiviĝos.

Mi faris aludon pri tiu ĉi temo pro tio, ke la plendintoj ŝajne opinias, ke dum mia prezidanteco en ICK la ŝanĝoj okazis. Tio ne estas la vero. Ni havas hodiaŭ, samekiel antaŭe, multajn seriozajn laborantojn. Ni ankaŭ havas multajn, kiuj subtenas nin morale kaj finance, sed kiuj ne partoprenas en la laboro de la internacia vivo de l'movado. Oni ne rajtas plendi pri ili. Mi konfesas, ke mi estis multe pli trankvila, kiam mi estis nur simpla soldato en la movado. Ĉar nun ne venas tago sen zorgoj kaj ĝenoj, sen laborado kaj pripensado. Sed spite tion, mia fido pri la fina sukceso de Esperanto ĉiam pligrandiĝas. (Forta aplaŭdo).

Mi ne povas sidiĝi sen mallonga aludo pri la granda laborado farita por la movado de la direktoro de I.C.K. s-ro Robert Kreuz. Figure kaj korpe li estas ronda homo en ronda truo. Li estas la homo, kiu direktas la bonan ŝipon « Esperanto » kun lerteco, diligenteco kaj la plej mirinda entuziasmo. Mi estas la kapitano de la ŝipo. Sed sen li, mi similus al ŝipo sen direktilo en nokto sen stelo. Mi estus perdita sur la akvoj kaj irus al la kaŝitaj rokoj aŭ sablaroj.

Mi kredas esprimi la ŝuldon, kiun ni havas, dirante, ke ni pardonu al nia direktoro la erarojn, de tempo al tempo eble faratajn de li. La perfekta homo ne ekzistas ; eĉ mi ne estas tute perfekta (Ridetado). Sed mi povas certigi al vi, ke s-ro Kreuz estas unu el la plej diligentaj, plej lertaj homoj, kiujn ni havas en la Esperanto-Movado. Kaj estas dank'al li, ke nun la internacia kunlaboro de la movado bonege funkcias.

S-ro Kreuz, mi kore salutas kaj dankas vin en la ĉeesto de la tuta kongresanaro pro la servoj, kiujn vi faris por ni en la pasinta jaro, por la perfektaj aranĝoj, kiujn vi faris por sukcesigi la grandan entreprenon de S-ro Scherer kaj ankaŭ pro la fidela kaj lojala subtenado, kiun vi donis al mi kiel via prezidanto. (Vigla aplaŭdo).

Nun, karaj gesamideanoj, mi devas fini. Polujo regajnis sian sendependecon post longaj jaroj de suferado per kuraĝo, pacienco kaj fido. Ni devas sekvi tiun ĉi noblan ekzemplon. Ni devas forviŝi el nia menso ĉiujn pensojn pri malsukceso. Ni devas detrui la fantomon de pesimismo kaj montri fidelecon al nia movado. Ni devas havi paciencon. Kaj se ni sekvos la ekzemplon de la brava pola nacio, la esperantoflago flirtos de ĉiuj kasteloj de la mondo, la ideoj de nia majstro disvastiĝos el ĉiuj preĝejoj de la terglobo kaj la memoro de D-ro Zamenhof kiel bonfarinto por la tuta homaro vivos ĉiam, vivos eterne.

(Laŭ stenografaĵo de Rob. Kreuz (Stolze-Schrey).

La tuta kongreso kvitancas ĉi tiun paroladon de la prezidanto de I.C.K. per longa, forta, ripetita aplaŭdo.

La parolon havas sro. Vic-vojevodo Dro. Bilek por saluto en la nomo de l'pola registaro, sro. rektoro Prof. Dro. Zaleski kaj la vicurbestro Dro. Klimecki. La pol-lingvajn paroladojn tradukas perfekte sro. Prof. Hodakowksi, Krakovo.

Post tio sekvas la alparoloj de la reprezentantoj de registaroj, sendintaj delegiton al la kongreso.

*Registaroj reprezentitaj.*

| | |
|---|---|
| Aŭstrio : | Vic-Konsulo Wojnovich, Krakovo |
| Germanujo : | Konsulo Rődiger, Krakovo |
| Liĥtenstejno : | Sro. Robert Kreuz, Genevo |
| Nederlando : | Sro. Inĝ. Isbrűcker, Hago |
| Hungarujo : | Sro. Prof. J. Mihalik de Hernadzurdok |
| Norvegujo : | S-ino Erikson, Oslo. |

*Aŭtoritatoj reprezentitaj*

Internacia Labor-Oficejo (Ligo de Nacioj) Ĝenevo
Urbo Bialistoko

Por la Internacia Labor-Oficejo (Ligo de Nacioj) prenas la parolon en Esperanto la speciala delegito de tiu ĉi institucio sro. Ernest Hediger, Ĝenevo. Por Bialistoko parolas sro. J. Ŝapiro, samtempe invitante al vizito de la urbo okaze de la soleno pri fundamentado de monumento por Dro. Zamenhof.

*Listo de la Organizacioj kaj Korporacioj reprezentitaj:*

Internacia Nov-Spirita Alianco (Brita Sekcio), Londono
Internacia Bahai Centro, Haifa (Palestino)
*Juda Skolta Ligo « Haŝomer-Hacair » Krakovo
Komerca Ĉambro, Los Angeles, Kalifornio
*Unio por la Ligo de Nacioj, Londono
Mondkongreso de Inform-Oficejoj, Institucioj por Kredit-protekto kaj Organizacioj por Enkasigo, Vieno
*Slovaka Porfremdula Asocio, Bratislava
Turisma Oficejo de Liĥtenstejno, Vaduz
*Tutmonda Cionista Organizacio.

La reprezentantoj de la organizacioj, indikitaj per steleto, direktas salutparolojn al la kongreso.

*Sro. Prof. Bujwid* post tio salutas aparte kaj kore la familianojn Zamenhof kaj donas la parolon al Dro. Leono Zamenhof.

*Dro. Leono Zamenhof* aludante al la kriza situacio en la tuta mondo, diras, ke ne estas mirige, se ankaŭ inter ni oni serĉas krizon. Estas facile klarigebla, ke ioma pesimismo trablovas la gazetaron. Oni komparu tion kune la situacio antaŭ 20 jaroj. Malhelpoj ne nur venas de kontraŭuloj, de gazetoj, kiuj estas kontraŭ nia lingvo, sed ankaŭ de esperantistoj mem. Spite al ĉio Esperanto progresas senhalte kaj ni devas havi fidon pri ĝi. En la interna ideo de Esperanto kuŝas la vera signifo de nia afero. Se ni laboras ankaŭ por ĝi, ni laboras rekte por la progreso de Esperanto.

Dro. Leono Zamenhof rikoltas grandan aplaŭdon pro sia varma kaj saĝa alparolo.

Dum malgranda paŭzo la orkestro ludas la « Tagiĝon » : Agordu la brustojn, ho nia fratar'.

Poste *sro. Kreuz* citas kelkajn salut-leterojn kaj telegramojn alvenintajn i.a. de Ministro de Eksteraj Aferoj de Pollando sro. Zaleski (en Esperanto), Gesinjoroj Blaise-Londono, Sroj. Bankiero Arnhold, Konsulo v. Frenckell kaj sro. Wehlitz, Dresdeno, Germana Esperanto-Asocio, Berlio, Sro. Rudolf Hromada, Konsilanto de I.C.K., Praha, sro. Onisabro Deguĉi (Oomoto-Centro) Kameoka, Japanujo, Dro. Patai, Budapesto, Sro. Laksh. Sinha, Stokholmo, sro. Shindo-Seitaro, Osaka, por la radio-kursanoj de l'stacio JOBCK-Osaka (Japanujo) kaj Prof. Scholze, Reichenberg.

Sro. Prof. Bujwid aldonas saluton de Dro. Edm. Privat, hon. prezidanto de ICK, laŭ letero ricevita de li.

Laŭ jam malnova regulo sekvas tiam la alparoloj de la reprezentantoj de la diversaj landoj, reprezentitaj de la kongreso, laŭ listo starigita de la Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj (K.R.).

*Listo de la parolantoj esperantistaj:*

| | |
|---|---|
| Aŭstrio : | Sro. Hugo Steiner |
| Belgujo : | Sro. Frans Schoofs |
| Bulgarujo : | Sro. Radev |
| Ĉeĥoslovakio : | Dro. Pitlik por ĈAE |
| | Sro. Hub por Germ. Ligo |
| Dancigo : | S-ino Spiess |
| Estonio : | Sro. K. Brauer |
| Finlando : | ne anoncita |
| Francujo : | Sro. Borel |
| Germanujo : | Sro. Műnz |
| Hispanujo : | Pastro Font-Giralt |
| Hungarujo : | F-ino M. Kleinberger |
| Italujo : | Prof. Dro. Canuto |
| Jugoslavio : | Sro. Ivo Lapenna |
| Latvio : | Sro. T. Indra |
| Litovio : | ne anoncita |
| Nederlando : | S-ino Isbrűcker |
| Norvegujo : | S-ino Eriksson |
| Rumanujo : | Sro. Harabagiu |
| Svedujo : | Sro. Einar Dahl |
| Svislando : | Sro. Hans Jakob |
| Usono : | Sro. Jos. R. Scherer. |

*Sro. Karsch* salutas en la nomo de *UEA*, dirante, ke la unu kolono en la nuna organizo esperantista estas la naciaj societoj, la alia kolono estas UEA. Li akcentas, ke UEA deziras amike kunlabori kun ĉiuj institucioj de la Esperanto-Movado kaj deziras plenan sukceson al la kongreso.

Ĉiu parolonto uzis nur 1 minuton por la alparolo. Neniu el ili transpasis la tempon. *Sro. Prof. Bujwid* leviĝas por diri, ke tio estas rekordo de disciplino, ne atingita en tu antaŭa kongreso. Ankoraŭ parolante kelkajn vortojn en pola lingvo en la mikrofonon, li denove esprimas la esperon, ke la kongresanoj ĝuu agrablan restadon kaj ke la kongreso plene sukcesu.

La soleno finiĝas per kantado de la himno «La Espero», modele, vigle akompanata de l'orkestro.

Fino je la 20.50 h.

---

Je Dimanĉo la 2 Aŭgusto (10 h.) okazis solena malkovro de memortabulo kaj strat-ŝildo ĉe la strato Niecala, kiu de tiam nomiĝas

| Ulica Dra Ludwika Zamenhofa |
|---|

La kongresanoj, kolektiĝintaj ĉe la monumento de Mickiewicz procesie iras al la nomita strato. La Vicurbestro Dro. Klimecki post mallonga parolado malkovras la memortabulon kaj la strat-ŝildon. Prof. Dro. Bujwid tradukis en Esperanton la polan paroladon.

---

## 1a LABORKUNSIDO
### la 3 Aŭgusto 1931 en la Festsalono de la Katolika Domo

Komenciĝo : 9,45 h. Prezidas : sro. Merchant, prez. de I.C.K.

---

La bone vizitita kunveno komenciĝas kun kvaronhora malfruo pro tio, ke interrompo de elektra tramtrafiko malfruigis la alvenon de ĉeestantoj kaj estraranoj.

*Sro. Merchant*, prezidanto de I.C.K., malfermante la kunsidon petas senkulpigon pro tiu ĉi malfruo, kaŭzita de supera forto. La postaj kunvenoj komenciĝos precize.

*S-ino Isbrücker-Hago* salutas en la nomo de la Internacia Ĉe-Institutoj kaj la Esp. Domo en Arnhem, dankas pro la helpo al la laboroj kaj invitas al aparta kunveno.

*Sro. Prof. O. Kuzjma-Kolomea* formale plendas, ke en la malferma kunsido ne estis permesite paroli en la nomo de la ukraina nacio. La ukrainaj samideanoj por protesti redonas sian kongreskarton kaj forlasos la kongreson.

*Sro. Kreuz* kiel konst. ĝen. sekr. de la kongreso klarigas, ke en la malferma kunsido ne salutas nacioj, sed reprezentantoj de naciaj esp. organizoj, kiuj estas pagantaj membroj de K.R. Li ankaŭ aldonas, ke la demando estis priparolita en la kunsido de K.R., kiu ne povis forlasi la regulon ĝisnunan. Krom tio ne estis kutimo ĝis nun, ke la enlandanoj salutu la kongreson, ĉar ili ja estas la gastigantoj.

*Sro. Prof. Bujwid* konfirmas tion.

*Sro. Pastro Font-Giralt* rekomendas eviti tiajn malfacilaĵojn. Kvankam li estas kataluno, li parolis por ĉiuj esperantistoj en la hispana respubliko. Li salutas la kongreson samtempe en la nomo de IKUE, akcentante, ke la katolika organizo tute ne estas malamika al la ĝenerala movado kaj la oficiala organizo. Li kontraŭe opinias, ke ni bezonas unu fronton por batali.

*Sro. Morariu* parolas pri « tri steloj » de la Esp. movado ; Baghy, Jung, Ĉe kaj proponas elekti ilin honoraj prezidantoj de la kongreso.

*Sro. Merchant* respondas, ke la estraro de l'kongreso jam estas elektita en la malferma kunsido. Oni agis tute laŭ la regularo kaj la ĝisnunaj kutimoj. Se nenecese oni proponu ŝanĝon al la Ĝenerala Estraro. Ĝis tiam nenio povos esti farata pri tio.

Diversaj samideanoj alvokas daŭrigi la tagordon.

*Sro. Strümpfel* salutas en la nomo de TAGE kaj de l'saksa instruistaro esperantista.

### Oficiala Raportaro

*Sro. Merchant* donas div. klarigojn pri la laboro farita de I.C.K. en la ĵus fininta agad-jaro. Li diras, ke se Esperanto nuntempe ne faras tute kontentigajn progresojn, ĝi tamen faras bonajn sukcesojn. La movado estas tiel forta, ke hodiaŭ nenio plu povos ĝin mortigi. Bedaŭrinde la ekonomiaj cirkonstancoj en la tuta mondo malfavore influas ĉion. Li dankas aparte al la germanaj samideanoj, bedaŭrante, ke pro internaj kaŭzoj ili ne povos forvojaĝi eksterlanden.

Poste li klarigas ankoraŭ kelkajn ĉefpunktojn de la laboro farita de la oficejo de ICK.

*Sro. Kreuz*, direktoro de ICK., bedaŭras, ke la raporto povis esti forsendata nur je la lasta minuto. Pro malfruaj aliĝoj oni devis atendi ĝis kelkajn tagojn antaŭ la kongreso, ne sciante, kiun eldonon fiksi. La ekonomiaj cirkonstancoj devigas ŝpari ĉiurilate. Li poste mencias aparte div. faktojn kaj kampojn : Scherer-vojaĝo, radio, gazetaro, internaciaj organizoj, kongresoj, lernejoj, poŝto k.c. Li petas pri aktiva kunlaboro de ĉiuj. Li esprimas sian dankon al la naciaj societoj kaj UEA, kiel ĉefapogantoj de l'ICK kaj tute aparte al la patronaro de ICK, kiu finance helpas tiel malavare.

Li petas pri kritikoj kaj proponoj.

*Sro. Prof. Bujwid* diras, ke la laboro de ICK meritas ĉiun helpon kaj petas ĝin havigi. Li informas pri multaj klopodoj faritaj en Polujo, pri radio, pri esp. poŝtmarko ktp. Li gratulas al ICK pro la bonega laboro.

*S-ino F. Boettcher* invitas en la nomo de Bad Reinerz por ĉeesto al inaŭguro de Zamenhof-monumento kaj petas, ke multaj samideanoj venu tien.

*Sro. Merchant* dankas pro la faritaj komplimentoj al ICK kaj ŝerce aldonas, ke li por si mem rezervas parton. Post kiam neniu faras kritikon aŭ proponojn, li konsideras akceptita la raporton. (Aplaudo).

*Sro. Fr. Schoofs, sekr.-kasisto de KR* legas la financan *raporton de KR*, kiu denove atingas bonan rezultaton. Li petas, ke oni laboru laŭorde en la nac. societoj kaj pagu sufiĉe frue la kotizojn. Li ankaŭ esperas, ke kelkaj asocioj, kiuj ankoraŭ staras ekster la organizo baldaŭ aliĝos, esprimante tion per pago de la kotizo.

*Sro. Merchant* dankas al sro. Schoofs pro la laboro, farita en la pasinta jaro.

*Sro. Prof. Dro. Kamaryt-Bratislava* esprimas sian kontentecon pri la bona funkciado de ICK kaj precipe de ĝia oficejo. Li ankaŭ dankas al sro. Schoofs pro la laboro de KR. Sed li plendas, ke kelkaj nac. societoj al enketoj aŭ korespondaĵoj tute ne respondas, Kelkafoje ili eble ne povas respondi taŭge, sed tiam oni almenaŭ tion sciigu por ne perdigi tempon al la demandinto. Li petas kompreni la gravecon de la afero.

*Sro. J. Karsch, vicprezidanto de UEA* sciigas, ke la *raporto de UEA* estas donata en aparta kunsido de la asocio. Li petas pri multnombra ĉeesto.

*Sro. H. Steiner-Vieno* havas la parolon por resuma raporto pri la Internacia Esperanto-Muzeo, ĝia historio kaj nuna stato. La raporto montras bonegan rezultaton. Hodiaŭ la

bibliotekeo enhavas ĉ. 5500 esp. librojn kaj broŝurojn, krom tio ĉ. 130 esp. gazetoj estas tie legeblaj.

*Sro. Merchant* gratulas sron. Steiner pro la bonega laboro. Sekvas

*Parolado de Sro. J. Forge-Fethke pri « Propagando per filmo »*

Sro. J. Forge-Fethke akcentas, ke ni bezonas amas-propagandon por Esperanto. Ankoraŭ tro malmultaj homoj scias pri Esperanto. Ĝi estas atingebla per filmo, ĉar ĉi tiu krom la gazetaro estas la plej potenca faktoro en la publika vivo. Ni devas atingi, ke en la semajnaj film-aktualaĵoj aperu Esperanto. La film-kompanioj ne estas kontraŭ Esperanto. Kontraŭe ili havas sufiĉe da intereso pri ĝi, sciante, ke ni havas grandan anaron, internaciajn kongresojn kaj karakterizaĵojn, kiuj povos interesi la publikon. Li mallonge klarigas, kiamaniere enpenetri ĉi tiun sferon.

Fine li esprimas sian miron pri tio, ke la LKK en Krakovo neniel klopodis pri filmado de la kongreso. Ankaŭ en aliaj kongresoj tio ne okazis. Jam en Antverpeno li klopodis pri tio vane.

*Sro. Schoofs* kontraŭparolas al tio, dirante, ke en 1928 la klopodoj ne sukcesis. Sed jam en 1911 la kongreso estis filmita kaj montrita en multaj kinematografoj.

*Sro. Kreuz* aldonas, ke ankaŭ por Krakovo ĉio estas farita. Sed ne estis eble ion atingi. ICK konstante atentas pri la film-propagando. Ĝi sufiĉe longe sin jam okupas pri tio kaj la nuna jar-raporto enhavas pri la esploroj en tiu ĉi sfero apartan ĉapitron.

*Sro. Gelfand, Dro. Medrkiewicz* kaj *sro. Neuzil* donas div. sugestojn kaj opiniojn.

*Sro. J. Ŝapiro* memorigas la postkongreson en Bialistoko, kiun oni vizitu grandnombre.

*Sro. Prof. Bujwid* invitas al multnombra vizito de la Somera Universitato.

*Sro. Kreuz* informas, ke laŭ ĵus ricevita informo sro. Bourdillon-Oksfordo ne povos veni al la kongreso. Pro tio la dua parolado antaŭvidita por la laborkunsido pri la temo : « Esperanto kaj studado de internaciaj aferoj » ne povos okazi.

Post tio sro. Merchant kun danko pro la multnombra ĉeesto fermas la kunsidon.

Fino : 12,10 h.

[*Daŭrigo sekvos en venonta numero*]

## Grava voĉdono Favora al Esperanto.

La 21an de Septembro la urbkonsilantoj de Lyon'o — kunigitaj sub la prezido de Sinjoro E. HERRIOT, Eksĉef-ministro, akceptis unuanime kaj voĉdonis la jenan dezir-esprimon proponitan de Sinjoro CLAVEL, lyona urbkonsilanto :

« Konsiderante ke la tasko de repaciĝado kaj alproksimi-« ĝado de l'popoloj ne sukcesos tiom longe ke tiuj popoloj « uzos nur sian nacian lingvon, la urbkonsilantaro de « Lyon'o esprimas la deziron ke estu deviga, en la lernejoj « de la tuta mondo, ĉu ŝtataj, ĉu privataj la instruado de « la helplingva internacia Esperanto. »

## XXIV-a Universala Kongreso de Esperanto Parizo, 1932.

*Dato:* De la 30a de Julio ĝis la 6a de Aŭgusto, 1932.

*Invito:* La oficiala invitanto estasla Komerca Ĉambro de Parizo.

*Loka Kongresa Komitato:* Prezidanto, Georges Warnier; Vic-Prezidanto, Intendanto-Generalo, Lucien Bastien; Kasisto, Lucien Tuleu; Ĝenerala Sekretario, L. N. Newell.
Komitatanoj : Jean Couteaux, René Dubois, Maurice Duperrey kaj Célestin Rousseau.

*Kongresa Oficejo:* La Maison de France, 101, Avenue des Champs-Elysées, Paris VIII. *Banko:* Société Générale, Paris.

*Kotizoj:* Oni aŭkcios Kongreskarton N° 1; ĝis nun la plej alta propono estas dumil francaj frankoj.
Kongreskartoj 2 ĝis 11 estas rezervitaj por la familio Zamenhof.
Kongreskarto 12-100 po 1000; 101 ĝis fino 125 Frk. fr.

*Junulaj Membroj:* Gejunuloj, kiuj havos ne pli ol 17 jarojn ĉe la 1-a de Aŭgusto, 1932, povos ricevi junulan Kongreskarton, po 30 francaj frankoj. Ili rajtos ricevi senpage la Kongresan Gazeton, sed ne la aliajn Kongresajn dokumentojn.

*Plialtigo de Kotizoj:* Post la 1-a de Julio 1932 oni altigos la ordinarajn kotizojn po 75 frankoj; do post tiu dato, la kotizo estos 200 frankoj. Krome, post tiu dato, la kotizo por Junuloj estos 60 Frk.

*Donacoj:* La L.K.K. tre danke akceptos donacojn por helpi pri la grandaj elspezoj de la Kongreso.

*Garantia Kaso:* La L.K.K. starigis Garantian Kason por saldi eventualan deficiton de la Kongreso. La minimuma garantio por ĉiu subskribanto estas 500 francaj frankoj. Ĝis nun tiu Kaso sumas je 102.000 frankoj.

*Fervojaj Rabatoj:* La L.K.K. klopodas por ricevi specialajn rabatojn por Kongresanoj sur francaj kaj alilandaj fervojoj, kaj esperas fari anoncon pri tio post nelonge.

*Vizoj:* La L.K.K. klopodos por havigi laŭeble al Kongresanoj senpagan vizon por eniro en Francujon.

*Kongresa Gazeto:* La L.K.K. eldonos, komence de Januaro, specialan « Kongresan Gazeton », kiu estos sendata al la Kongresanoj senpage. La Ĉefredaktoro estos la fama aŭtoro, Raymond Schwartz, kies nomo garantias utilan, viglan kaj spritan gazeton. Oni sendos la jam aperintajn numerojn al ĉiu Kongresano ĝis elĉerpiĝo de la ekzempleroj. Sekve, ni konsilas al tiuj, kiuj deziras havi kompletan kolekton de ĉi tiu unikaĵo, ke ili aliĝu al la Kongreso tuj.

*Karavanoj:* En diversaj landoj oni organizos karavanojn al la Kongreso. La organizantoj estas petataj komuniki kun la Ĝenerala Sekretario kiel eble plej frue, por eviti duoblan laboron. La L.K.K. faros anoncojn en siaj bultenoj kaj en la Kongresa Gazeto de tempo al tempo pri projektataj karavanoj.

L. N. NEWELL,
*Generala Sekretario.*

# Universala Esperanto-Asocio

## Kunveno en Krakovo

4. Aŭg. 1931

Ejo : Industria Muzeo — Prezidis : Joh. Karsch.
Protokolis : N. Hovorka, Delegito.

Tagordo.

Malfermo per la vicprezidanto.
Memorigo de la mortintoj 1930.
Honorigo de S-ro Ant. Kudela, D en Olomouc.
Dankesprimo al S-ro Scherer.
Stato de UEA : Raporto de la Direktoro.
Diversaĵoj. Turismo : Variaj raportoj.

Malfermante la kunvenon, la vicprezidanto de UEA Sinjoro Karsch memorigas je la mortintoj, precipe la forpason de du sinceraj amikoj de UEA : Profesoro Cart kaj D-ro Sós. La ĉeestantoj, ĉirkaŭ 300 personoj ekstaras.

La kunveno decidis sendi telegramojn al la prezidanto de UEA s-ro Ed. Stettler, Bern kaj al D-ro Privat redaktoro de Esperanto ambaŭ malebligitaj partopreni la kongreson.

La prezidanto informas pri la dum kongresa kunveno de l'Komitatanoj kaj la laboro farita.

La komitato de UEA nomis Honoran Membron de la Asocio, S-ron Antonin Kudela, Delegito en Olomouc, kiu ĉeestas kaj emocie dankas memorigante ke jam antaŭ 19 jaroj li partoprenis kunvenon de UEA, kiu siatempe decidis la financan reformon proponitan de Ed. Stettler. La kunveno forte aplaŭdis la honorigiton, modela Delegito en mezgranda urbo, kie inter sesdek loĝantoj estas unu ano de UEA. Dezirinda proporcio por la tutmondo.

Sekvis dankesprimo al S-ro Scherer, la speciala Delegito de ICK, mondvoĝante, propagandante kaj disjetante la semon de Esperanto. S-ro Scherer montris per elokventaj vortoj kiel li laboris, ĉie akcentante la neceson de internacia agado kaj praktiko.

Liaj vortoj avide aŭskultitaj estis forte aplaŭditaj, post kio la vicprezidanto transdonis al li esp. horloĝon kun gravuraĵo de dankesprimo de la Asocio.

S-ro Scherer surprizita pri la honordonaco akcentis, ke precize li devas aĉeti horloĝon pro malboniĝo de lia horloĝo. Li ĝojas ankaŭ ke li ne nur ricevas *esperantistan* sed *svisan* horloĝon, kio memorigas lin pri sia estinta hejmlando.

Sekvas la raporto pri la jaro 1930. Ĉar la plimulto de la ĉeestantoj ne posedas la raporton, la Direktoro de UEA ekstrakte legas ĉapitron post ĉapitro, aldonante klarigojn. Inter ĉiu parto estis halto por ricevi rimarkojn aŭ observojn de la ĉeestantaj membroj, inter kiuj estis ankaŭ la prezidanto de ICK S-ro Merchant kun edzino. Parolante pri stato de la aferoj mem, la Direktoro akcentis pri la neceso de forta kredo al la afero kaj al la ioma manko de entuziasmo kontraŭ la pasintaj tempoj. Li ĝoje konfesas esti vidinta reveni tiun entuziasmon en la kursoj de Andreo Cseh, kiu sidas sur la estrado kiel komitatano de UEA. Kvankam la efiko de la Cseh-kursoj ne tuj montriĝas en giganta ŝvelo de la membro-nombro de UEA, ĝi tamen estas fruktodona grundo por varbi, kio estas fine la tasko de la lokaj Delegitoj. Tute certe la Cseh kursoj kaŭzis, ke en la koncernaj landoj la membronombro restis sama aŭ kreskis iom, dume en la aliaj ĝi sekvis la ĝeneralan vojon al malsupro, konstatitan ankaŭ de aliaj societoj. Finante la Direktoro esprimas la dankon de la Asocio al S-ro pastro Cseh pro lia utila agado.

En la sekvanta diskuto, *S-ro Badin* petas ke pastro Cseh faru provlecionon. S-ro Cseh klarigas, ke tio ne estas ebla pro la tempo.

*S-ro Scherer* montras kiel li sukcesis varbi membrojn kaj ĉefe pagigi ilin. Li tamen akcentas ke la varbmaniero devas esti adaptata al la kutimoj de la lando mem.

*S-ro Parley Parker-Christensen, Los Angeles,* mencias la servojn kiujn li ricevis pere de la Delegitoj dum lia trijara mondvojaĝo.

*D-ro Pitlik, Praha* skizis kiamaniere li utiligis la reton de la Delegitoj eĉ okaze de profesia servado en la ministerio.

*S-ro D-ro Canuto, Torino,* akcentas la neceson de harmonia kunlaborado de Nacia Societo kun UEA, kiel tio okazas en Italujo. Deziras plie ke la elekto de Delegito okazu en interkonsento kun la Nacia Societo por eviti akcepton de nedezirinduloj.

*Regislara Konsilisto Steiner, Wien,* konsilas resumi interesajn servojn faritajn de la Delegitoj, Je tio la Direktoro respondas ke jam la ĉefdelegito en Berlino proponis ion similan kaj ke en estonta tempo tio efektiviĝos.

*S-ro Robertson, London* atentigas pri la alta kosto de la premioj malavare disdonotaj de UEA ĉiujare kaj rekomendas ke membroj, kiuj deziras helpi al la Asocio, ne postulu tiujn premiojn.

Neniu plu deziras la parolon. Post dufoja demando de l'Prezidanto de la kunveno, tiu ĉi akceptis la raporton kun danko al ĝia verkinto kaj al la Centra Oficejo. La kunveno aprobis plie la elekton de du kontrolantoj pri la kalkuloj de l'ICK.

Sekvis raportoj pri Turismo. S-ro Karsch skizis la evoluon de tiu ĉi servo, la sola kiu havigas iom da profito al la Asocio kaj samtempe belan materialon por praktika propagando. Pri tiu ĉi temo mallonge raportis S-ro Reg. Konsilanto Steiner. S-ro Tichawski, Delegito en Katowice informis pri propagando per elmontro de esp. objektoj en vitroŝrankoj ĉe stratanguloj en magazenoj praktike kaj taŭga maniero. rekomendita al niaj propagandistoj.

S-ro Schneider, Vicdelegito en Karlsbad informas pri siaj klopodoj ĉe la Urba administrado pri eldono de gvidfolio de tiu ĉi mondkonata banloko. Invitas partopreni la karavanon tra la Norda Bohemio.

S-ro Brauer, Tallinn donas detalan raporton pri la agado de la Esperanta Turista Komisiono, starigita en Estonio kaj sukcese laboranta kun simila komisiono sveda por akceli la turismon inter la du landoj. Tiu ĉi ETK eldonigis du gvidlibron : Tallinn kaj Estonio, la lasta kun subteno de la ministerio.

Finante la prezidanto de la kunveno mencias la sukcesan provon de la Ĉefdelegito ĉeĥoslovaka pri la esperantista libertempejo en banloko Belohrad, bone sukcesinta kaj estonte daŭrigota servo.

La tagordo elĉerpita, la prezidanto de la kunveno fermis je 12a h.

Joh. Karsch, Vicprezidanto.—Hans Jakob, Direktoro.
Nikolao Hovorka, Protokolisto.



# Internacia Pedagogia Instituto

Silente naskiĝis la Internacia Pedagogia Instituto en Mainz (Germanujo). Ĝi estas rezulto de serioza laboro kaj senlima sindonemo. La instituto estas en iama granda kazerno- Citadelo. En 40 salonegoj troviĝas ekspozicio de lernejoj el diversaj landoj. Jam ekzistas filmteatro por montri instru-filmojn de ĉiuj landoj, kiuj emas konatigi siajn filmojn, taŭgaj por lernejo. Enlandaj kaj eksterlandaj firmoj montras siajn lernilojn por la diversaj instrufakoj, de la plej simplaj iloj por la fundamenta instruado ĝis plej komplikaj optikaj kaj mekanikaj aparatoj. Jam estas preta la hejmo de nacioj kun 50 ĉambroj por gastigi la vizitantojn. En oktobro estos 100 ĉambroj pretaj por vi, geinstruistoj de la tuta mondo. Sed ankaŭ studentoj trovos hejmon. Estas jam pretaj 4 hejmoj por studentoj. Ili trovos ĉion, kion ili bezonas en bona pura stato. La regularo en la domo zorgas, ke ĉio estu ĉiam en bona ordo. La student-hejmo ne estas en iu interligo kun aliaj hejmoj aŭ tendaro. Ĝi estas tute memstara. Ne trovos eniron grupo. Nepra kondiĉo estas : La gvidanto devas esti respondeca instruisto aŭ instruistino.

En tiu instituto la tutmonda instruistaro interkonatiĝos, ĉar ili loĝos ne en la urbo, sed kune en la sama domo. Ili manĝos en komuna manĝsalono. Ili estas ĉiam en bona kontakto kaj fadenoj fariĝos de unu popolo al alia. La saman oni povas diri por la studentoj.

Karaj gekolegoj tutmondaj ! Estas via devo, nun favorigi tiun unikan entreprenon al nia movado. Ĝi estas al vi, ĝi estos la via, se vigle kaj celkonscie vi partoprenos la vojaĝojn al Mainz. Kiam en viaj fakaj gazetoj aŭ kunvenoj temas pri tiu instituto, tuj vin anoncu por la vojaĝo aŭ por gvidado de junulara grupo. La diverslandoj ministerioj donas stipendiojn. Kelkaj ŝtatoj jam havas sian pretan hejmon en la instituto. La direktoro, instrukonsilanto Niemann, estas homo agema, ne parolema. Li komencis sian laboron per vojaĝoj al la ministerioj de Eŭropo, kaj li ricevis subtenon. Nun li anoncis la pretan hejmon, kaj jam venas instruistoj el Aŭstrio, Bulgarujo, Danujo, Jugoslavujo, Rumanujo. Ankaŭ al vi gesamideanoj de ĉiuspecaj lernejoj li prezentas hejmon por kelkaj tagoj. Venu kiel esperantisto, anoncu vian alvenon al la Esp-grupo en Mainz, ne kaŝu vian verdan stelon ! Certe impresos la neesperantistajn gekolegojn, se alveninte, vi jam trovos gekolegojn en la stacidomo, kiuj bonvenigas vin. Vi estos bonvena en nia kunveno, en kiu estas kelkaj gekolegoj.

Adreso : A. Läufer, Willigisplatz 2, Mainz.

# Faka Informilo

ABSTINENTULOJ.

Kunveno de abstinentaj esp-istoj okazis en Krakovo 3-8-31. Prezidis S-ro Watson, angla bontemplano. Post raporto pri la agado de la Laborkomitato oni pritraktis la eblecojn de l'plua pli intensiva laboro. Ĉefa malhelpo estas la manko de monrimedoj malebliganta necesan eldonon de esperantlingvaj kontraŭalkoholaj presaĵoj. S-ano Pamporov, Bulgarujo, proponis : 1) Regule raporti en « Vegetarano. Akceptita kun aldono, ke oni klopodu ĉe la Esp.-gazetaro aperigi artikolojn pri nia movado. 2) pro troŝarĝiteco de la sekr., translokigi la centron al Danzig, kie ekzistas vigla kunlaboro inter la grupoj Esperanta kaj abstinenca. Principe konsentita, findecido okazos post interrilato kun la Danziganoj, resp. ties kompetentuloj, interdume Vieno plue restos la provizora centro kun la ĝisnuna sekretario. Prezidantino Bramkamp-Weber, Scheveningen, estis reelektata. Laŭ propono de l'sekr. oni ŝanĝis la nomon en Internacia Esp. Laborkomunumo (por ne fondi novan asocion kaj tamen ebligi agadon en pli vasta maniero. Detalan informon donas :
Internacia Esperantista Laborkomunumo por senalkohola kulturo : Sekr. : W. Mudrak, Strozzigasse 19-18, Wien, VIII.

BONTEMPLANOJ.

Estas nepre necese, reveki la societon « Tutmonda Esperantista Bontemplana Asocio » ! Tutmondaj Bontemplanoj, helpu ! ! ! Sendu adresojn viajn, sendu monerojn necesajn ! Helpu enkonduki Esperanton ĉe la Mondloĝio ! Dr. Karl Briegleb, Worms, Germanujo, antaŭe Prez. de T.E.B.A.

KATOLIKOJ.
(Dumkongresa Kunveno).

Lunde la 3an de Aŭgusto 1931, 14an, kongresejo. Pastro Font Giralt, (Hispanujo) prezidanto de IKUE, salutinte la diverslandan ĉeestantaron, akcentis la urĝan neceson de unueco, de unueca agado, por povi enpenetri katolikajn rondojn. Li instigis ĉiujn, kiuj ankoraŭ ne estas membroj de IKUE, ke ili volu aliĝikaj petis specialan subtenon de *« Espero Katolika »*, la oficiala organo de IKUE, ke ĝi ree povu regule aperi, menciis ankaŭ la grandan signifon de *« Katolika Vivo »*, aperinta depost tiu jaro, *per*esperanta katolika informilo. Jen ĝia apero ekz. efikis tiom, ke *Kardinala Moŝto de Parizo* komisiis ĝian redaktoron, verki poresperantan artikolon en la pariza paroĥa gazetaro, forvendata multnombrege ĉiudimanĉe. W. Mudrak (Aŭstrio) atentigis je la graveco kaj urĝa devo uzi Esperanton en la servo de *katolika paclaboro*, citante ankaŭ Mondjunularon Katolikan (MOKA) kaj ties organon *« La Juna Batalanto »*. Post findecido por plua laboro al kunigo de ĉiuj katolikaj esperantistoj por la propagando de Esperanto inter la katolikaro, la kunveno estis finita per la katolika saluto « Laŭdata estu Jezuo Kristo ! » (W. M.)

SKOLTOJ.

Invitu al via ekspozicio kaj kursoj la lokajn *skoltojn*. Ili lernu Esperanton por uzi ĝin dum mondtendaro en 1933 (Hungarujo). Multaj hungaraj skoltoj lernas kaj deziras korespondi. Propagandu inter skoltoj energie ! Hungara Skolta Esperanto-Rondo V. Nagy Sàndor u, 6. Budapest SKOLTA ESPERANTISTA LIGO HAVAS JAM EN 32 LANDOJ MEMBROJN. Adreso de hon. gen. sekr. : Norman Booth, Netherton, Huddersfield, England.

TABAK-KONTRAŬULOJ
Dum la 23-a okazis kunsido.

4-8-31. Ĉeestis samcelannoj el 5 landoj. Afergvidanto de « Verda Kruco » koncize raportis pri la movado por sentabaka kulturo kaj Ĝiaj rilatoj al Esperanto. Ĝisnuna agado rezultigis diversajn sukcesojn por Esperanto inter tabakkontraŭuloj diverslandaj. Eldono de esperantlingvaj kontraŭtabakaj presaĵoj (verkfolioj, propagandiloj, glumarkoj kaj poŝtkartoj) estis ebla. Oni tre bedaŭris la *fumadon en Esperanto-kunvenoj* kaj aranĝoj kaj deziresprimis, *ke la Esperantista vivo liberiĝu de fumplenaj kunvenejoj*. Sekvis raporto el unuopaj landoj, kiuokaze precipe reprezentantoj de Pollando kaj Rumanujo plendis pri portabaka propagando pere de la Radio. Daŭrigo, resp. intensivigo de la ĝisnuna laboro, precipe ankaŭ inter la esperantistaro kaj Esp. gazetaro estis unusente findecidata. (Raportis : Verda Kruco, Judenplatz 8-1, Wien I.)

NATURISTOJ.

Ekzistas nun en Paris, du asocioj de naturistoj :
Ia-G.E.N. Grupo de l'naturistoj Esperantistaj (Rameau du Trait-d'Union) ĉe Pythagore, 4 Rue des Prêtres, Saint-Severin, Paris 5e.
Tiu grupo estas : Naturista kaj vegetarana, Pacifista kaj socia.
2a-N.E.L. Nudista Esperantista Ligo :
Adreso : S-ro P. Malfère, 12 Rue de Hautefeuille, Paris 6e.

Tiu grupo sekvas la programon de «Amikoj de l'Vivo» (Amis de Vivre) Asocio franca por vegetara vivo kaj libera korpa kulturo.
La celo de tiuj asocioj estas konigi esperanton al la Nudistoj aŭ naturistoj de Francujo, kaj tiujn movadojn al la esperantistoj.

FRAMASONOJ.

Jam depost la unua kongreso de Esperanto 1905, ekzistas tutmonda societo framasona uzante Esperanton. Dum la Kongreso de Bern 1913 ĝi estis iomete transformita, t.e. : Esperanto ne estis la celo sed la helpilo de interpopola kompreniĝo. Depost la milito oni restarigis tiun societon kiu oficiale nomiĝas *« Universala Framasona Ligo »*, kaj de jaro al jaro la nombro de membroj grandiĝis. Ĉiujare okazas kongreso. Ĉi tiun jaron ĝi okazis en Parizo la 8-13 an de Septembro. Okazis kunsido de la speciala fakgrupo Esperantista, kiu aŭdis sciencan prelegon pri la leĝoj de la lingva evoluo de Prof. Richter el Dorpat. Kie oni diskutis energian agadon ĉe la Ligo de la Nacioj por la enkonduko de Esperanto.
La Loĝio « Esperanto » en Parizo kiu laboras nur en Esperanto aranĝis festenon je la honoro de la kongreso.
En la ĝenerala kunveno de la kongreso la jena decido estis akceptata kvazaŭ unuanime. « La Studo kaj uzado de la helplingvo Esperanto estas deklarata kiel devo de ĉiu membro de la Ligo ». Estus tre dezirinda, se ĉiuj regulaj framasonoj Esperantistaj aliĝus ankaŭ al la U.F.L. Ĉiujn informojn donas la Centra oficejo de U.F.L. Byfangweg 13, Basel (Svislando). (Ĉeestinto).

## Bonvolu atenti !

La Jarlibro 1932 denove enhavos liston de stratoj je honore de nia movado aŭ de la kreinto de Esperanto. La listo estas kompletigota per indikoj pri monumentoj kaj konstruaĵoj memorigantaj nian movadon al publiko. Ni petas niajn Delegitojn konigi al ni sekvantajn detalojn :

Nomo de la strato, monumento, k.t.p. ..................

En enlanda lingvo : ..............................

Situo : ..........................................

Kiam nomita (dato) ...............................

Kiu aŭtoritato decidis la nomigon, starigon ? ..........

Ĉu decido okazis sekve de petskribo de esperantista organizaĵo, aŭ sekve de urb-parlamenta instigo ? ..........

Ĉu estas memortabulo klariganta la devenon de la stratnomo ?

Sendu fotografaĵon de la tabulo, aŭ de monumento, se eble.

Samajn informojn pri monumentoj aŭ konstruaĵoj iamaniere ligataj al la Esperanto-Movado.

Ni petas kore sendi tre baldaŭ tiujn informojn. Ĉiu sendonto ricevos flekseble binditan jarlibron de 1932.

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

*S-ro Cuiĉiro Nakano*, Ano de UEA 19397, en Kioto, Oktobro 1930.

*S-ro S. T. Rodger*, Ano de UEA 36551, en London, IX. 1931.

*S-ro Prod. Anibale Francisci*, 70 jara, Città della Pieve, Italio, dum kelkaj jaroj ano kaj D de UEA 15.9.31.

*S-ino Damon Pichat*, 78 jara, patrino de F-inoj Elisabeth kaj Joséphine Damon Pichat, oficistinoj ĉe la Centra Oficejo de UEA, 30.9.31.

*S-ino Adriadni Polymerou*, patrino de l'Delegito en Ateno, S-ro Pindaro Polymeros, prezidanto de la Greka Esperanto-Ligo, 23.7.31.

*S-ino Marie Courtinat*, patrino de S-ro Léon Courtinat D en Bellerive sur Allier, 20.9.31.

*S-ro Orengo*, patro de nia ŝatata samideano itala Rinaldo Orengo el Milano en Parizo, 25. 10. 1931.

*Sinceran kunsenton !*




# Internacia Polica Ligo

## Oficiala Informilo

Al Policprezidanto sinjoro D-ro Palitzsch

*Dresden.*

La I.P.L. havas la honoran devon, respektplene gratuli sinjoron Dron. jur. Palitzsch, kiu estis nomita policprezidanto de Dresden. D-ro Palitzsch, kvankam ne esperantisto, tamen aliĝis al I.P.L. Jam per tio li pruvis sian simpation por nia celado. Li donis al ni konkretan pruvon pri sia intereso al nia afero, klopodante enkonduki Esperanton en la internacia servado polica.

Fakaj kaj tagaj gazetoj ofte publikigis de li faksciencajn raportojn, en kiuj li ripete esprimis la necesecon, de komuna helplingvo por la polica servo, kiu necesigas internacian interrilaton. Li ĉiam citis Esperanton kiel plej taŭgan lingvon. Kaŭze de tiaj ĝisnunaj pruvoj de simpatio ni eble povas ŝpari al ni pluan peton al S-ro Dr. Palitzsch ke li daŭrigu tiun favoron al nia movado.



Sinjoro D-ro Palitzsch
Policprezidanto, Dresden.

Sinjoro Dro. Palitzsch, iama prokuroro, posta ĉefo de la kriminalpolico en Dresden kaj lasttempa ĉefo de la saksa kriminalpolico estas fame konata persono en internaciaj policfakaj rondoj. Li apartenas al la komitato de la fondita « Internacia Kriminalpolica Komisiono », prezidas tie la germanajn reprezentantojn. Ĉiam li labore klopodas atingi pli taŭgan kaj pli efikan kunlaboron de la diverslandaj policestraroj por kontraŭi krimulojn internacie.

Ni plenkore esperu, ke sinjoro Dro. Palitzsch, trovu plenan kontentigon en sia nuna rango kiel policprezidanto de Dresden, ke li daŭrigu siajn altcelajn faklaborojn por atingi praktikajn sukcesojn por la publika kaj tuthomara bono.

---

Karaj liganoj,

Ni atentigas vin ke la tempo denove alvenas por enkasi la kotizojn por 1932, kiuj devas esti pagitaj al nia direktoro sinjoro Teuchner, Leipzig O. 28., Eisenbahnstrato 111b. ĝis la unua de januaro 1932. Bonvolu nepre plenumi vian devon, akurate ensendi la kotizojn spite de la ekonomiaj malfacilaĵoj ĉie rimarkeblaj.

Bonvolu ne forgesi, ke movado iu ajn ne povas prosperi sen doni al ĝi ankaŭ rimedojn, kiuj permesas al ĝi dokumenti sian ekzistadon kaj disvolvemon.

A. Pohle, ligo-redaktoro.



# Esperanto  Programo



de la Internacia Radio-Servo.
Adr. : J. Jungfer, Lindenstr. 10. Lübben (Spreewald), Germ.

### Mallongigoj.

*D* (Dimanĉo), *L* (Lundo), *M* (Mardo), *Mk* (Merkredo), *Ĵ* (Jaŭdo), *V* (Vendredo), *S* (Sabato), *n* (neregule).

Pri temo, sendhoro, ondlongo kaj aliaj detalaĵoj donas informojn la naciaj Radio gazetoj kaj Heroldo de Esperanto.

### Radio-paroladoj en Esperanto.

Freiburg : 2. Mk. Graz : J. Huizen : 2. S. Harkov : n. Innsbruck : J. Klagenfurt : J. Leningrad : n, Linz : J. Lyon-la-Doua : S. Minsk : n. Mühlacker : 2. Mk. Odessa : n. Tallinn : M. Wien : J. Breslau : V. Gleiwitz : V. Kaunas : J. Motala : 4. D. Stockholm : 4. D. Salzburg : J. Tartu : M.

### Resumo en Esperanto pri la semajna programo.

Danzig: S. Freiburg : V. Heilsberg : S. Kőnigsberg: S. Mühlacker : V.

### Esperanto-kursoj.

Dresden : D. Le Havre : 2. M. Leipzig : D. Lille PTT... Nord : L. Paris P.T.T. : J. Huizen : S.

---

# Oni dankas

*** S-ro A. Läufer. ano de UEA en Mainz, tutkore dankas al S-ro Prof. Corrado Grazzini, D en Firenze por grava servo.

*** S-ro Teodoro Fantasia Delegito en Brindisi kore dankas al S-no Seelbach, VD en Buffalo, USA retrovinte parencon.

*** La delegitoj de UEA mem plej bone konas propran portforton, kvazaŭ kolono en Esperanto-vivo. Modele plenumanta servan taskon inter aliaj lokoj estas Lyon, kun multaj honestaj kaj senprofitemaj gesamideanoj. Precipe mi citas dankeme la oferemon de sinjorino A. Farges, kies valora servpeno garantias en Esperantujo jam de multjaroj, seriozan faktoron. A. Veverka, delegito en Mukaĉevo, Ĉeĥoslov.

*** S-ano Talivaldo Indra, ĈDel. de UEA en Riga, Latvolando kore dankas al s-ano Viktor Raukas, VDel. de UEA en Tartu, Estonio pro la afabla gastigo dum vizito al jarkunveno de EA de Estonio.

*** S-ro A. H. v. Leeuwen, Vicdelegito de UEA en Apeldoorn Nederlando sincere dankas al la Delegitino de UEA en Kleve, Germanujo kaj al S-ro Hachmann por la bonega servado okaze de la vizito de tiu ĉi urbo de nederlanda kantklubo gvidita de S-ro v. Leeuwen.

*** S-ro D. R. Tullo, ĉefdelegito de UEA, en Skotlando, reveninte el rondvojaĝo ĉe la Balta Maro, tutkore dankas la jenajn gesamideanojn kiuj tre afable akceptis lin en siaj urboj, kaj multe helpis al la plezuro de lia vizito : Oslo : D. S-ro Arne Arnessen ; Kőbenhavn : D. S-ino Louis Blicher, VD. S-ro Georg Hinrichsen ; Zoppot : D. S-ro Bruno Wolkiser ; Tallinn : D. F-ino Helmi Dresen, F-ino Alma Lekka, F-ino Adele Lâle ; Stockholm : Red. Paul Nylen, Prez. de Sveda Esp. Fed., Rektor Sam Janson, Red. Henning Halldor, Ge-sroj Malmgreen kaj S-ro Bengt Skantz.

*** S-ro Roger Goodland, ano 17667, nun en Aspremont ap. Nice, kore dankas al la jenaj delegitoj por afabla servado dum lia vojaĝo tra Eŭropo antaŭ kaj post la internaciaj kongresoj : S-ro Hoffmann en Quedlinburg, S-ro Kőtz en Leipzig, S-ro Freund en Breslau, S-ro Ginz en Praha, S-ro Sklencka en Hradec Kralové, S-ro Klein en Wien, S-ro Bonini en Venezia, S-roj Tanzi kaj Ventura en Milano, S-roj Arabeno kaj Schmuckher en Genova, kaj S-ro Yelland en Aspremont.

*** Vizitinte dum societa vojaĝo Kőbenhavn ni refoje spertis la grandan valoron de nia organizo. Dum la aliaj kunvojaĝantoj, ne komprenante la danan lingvon — penadis trovi la vojon al siaj hoteloj ni jam estis akceptitaj de la afablega Delegito s-ino Blicher kaj rapide kondukitaj al la urbo. Dankon al ŝi kaj ankaŭ al la Delegito de UEA s-ro Nilsson en Malmő, kie ni spertis la saman komplezemon. Otto Hub, Vicdelegito de UEA, Maffersdorf kaj Franz Hub membro de UEA en Gablonz a.N. Ĉeĥoslovakujo.

*** UEA-delegito por Reinowitz Bruno Gahler sincere dankas por gravaj informoj al s-ro Farstad, Delegito de UEA en Bergen, Norvegujo, por gravaj servoj faritaj al li dum lia vojaĝo en Irlando al s-ro Cormick Delegito de UEA en Dublin kaj al s-ro Boland en Galvay por afabla akcepto.

## Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro N. A. Zilver, Damrak 95, (H. & P.) nur PM. (Malrespondas bagatelajojn).

*Auxerre* (Francujo, Yonne). — S-ro Dupuy, 5, rue Egalité, PM, ĉiam respondas.

*Bialystok* (Polujo). — S-ro Sal. Wajnberg, R. Kosciuszki 29, PI., PM. gaz., k.t.p.

*Berlin N.* 113. — F-ino Helene Rŏwe, Islandstr. 16, L. PI. k.ĉ.l.

*Berlin-Schoneberg.* — F-ino Ilse Hoffmann, Wartburgstr. 41, L. PI· k.ĉ.l. en Esperanto, franca kaj angla lingvoj.

*Com. Stramba* (Ruman., Jud. Balti). — S-ro Stefan Dumbraveanu, L pri lingvistiko kaj okultismo.

*Dacice-Moravio* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Jan Myslik, bienposedanto 89. ;I. PM grandvalor. kaj ĉiu kvanto, ankau lau katalogo Michel.

*Gävle* (Svedujo). — S-ro Herman Stahre, S. kungsgatan 30. PI. L. prefere francinoj.

*Gorna-Orehovitza* (Bulgario). — Zaĥarnata fabrika, f-ino Evgenia Hara-Lambiéva, PI. k.ĉ.l. L pri numismatiko.

*S' Gravenhage* (Nederlando). — F-ino M.M. Cordia, 117 Rosseelsstr, 117 P/M. Kĉl. Certa respondo.

*Hester* (Western Australia). — Sro H. G. Walker, PM aŭstraliaj kontraŭ aliaj de ĉ.l. PI. Certe resp.

*Jinten Jin, Zeuranando* (Koreo). — S-ro G. Setoo, 26 jara apotekisto PI k.ĉ.l. Nepre resp.

*Leiden* (Nederlando) — S-ro J.F. vsn Kampenhout, Haarlemmerstr, 125 P/M. precipe kun Sud-Ameriko, laŭ Yvert 1932.

*Liepaja* (Latvio). — F-ino Elisabeth Kugelberg, poŝtoficejo, PI. L.

*Margiai, Pagiriu paštas* (Litovujo). — S-ro Dominikas Raila, L. PI. kun Suda kaj Centra Ameriko.

*Miskolc* (Hungarujo). — S-ro Lajos Kőnig profesoro, Del. de UEA., Pataky Sàndor tér. 8., PM. k.ĉ.l. peco por peco, aŭ laŭ Michel.

*Perth* (West. Australia). — S-ro Mitchell, 376 A., Murray Street PM. k.ĉ.l. 1.25 pecoj. Bazo Yvert-Tellier kaj Gibbons. Vendas ĉiujn aŭstraliajn eldonojn novajn kaj malnovajn.

*Praha XIX.* — S-ro Inĝ. F. Schneider, Podbabska 1426, PM. nur eŭropajn. Ankaŭ aĉetas.

*Saratov* (U.S.S.R.). — S-ro K. Sološek, Krapnivskaja 38, kv. 5, interŝanĝas librojn, gazetojn PI.

*Utrecht* (Nederlando). — Ilustritaj poŝtkartoj. Por vigligi la entuziasmon, precipe de niaj novaj membroj, ni aranĝas Poŝtkartvesperon je la 26a de nov. kaj petas afable alsendon de il. pk. kun kelkaj vortoj. Adresu al : U.E.R., Domplein 25, Utrecht, Nederlando. La estraro garantias respondon al ĉiu alsendinto.

## Petoj kaj Proponoj

***INTERNACIA KOMERCO***

*Adresŝanĝo.* — S-ro Kiril Jotov, pastro metodista, informas pri sia nuna adreso : Evangelska ĉerkva, Vidin, Bulgar.

*Amikeco.* — Se vi estas senamika senespera kaj ŝatus amikiĝi, skribu al S-ro Charles H. Gibbons, Box 93, Arthur No. Dakota, Usonò.

*Ĉu estas la kapitalo ?* — Bonvolu vin turni al S-ro Walter Petzold, 1 Hindenburgstr., Schleiz, Germanujo, Thŭringen.

*Ekspozicio.* — Laborista sekcio de Beograda Esperanto-Societo aranĝas dum Aŭtuno grandstilan ekspozicion kaj petas alsendon de taŭga materialo. Adresu : Esperanto-Ekspozicio, Hotelo London, Beograd, Jugoslavio.

*Ekspozicio.* — Esperantlingvajn prospektojn de urboj, banlokoj kaj vojaĝentreprenoj por jus instalita Vojaĝa-Agentejo, petas la loka esp. grupo « Ĉiam antaŭen » en Haida. Adresu : Franz Bőhm, Vicdelegito de UEA, Talstrasse 397, Haida Ĉeĥoslovakio.

*Florsemoj.* — Mi aĉetas florsemojn de nunjaro. Bonvolu sendi prezaron. Jos. Michalsky, Spis. Nova Ves, Ĉeĥoslov.

*Filatelistoj.* — Mi aĉetos aŭ interŝanĝos viajn kromajn poŝtmarkojn kontraŭ kovertoj aerpoŝtaj. Neniu kvanto tro granda aŭ tro eta. Mi aĉetas, vendas aŭ interŝanĝas. Ano Asocio de Filatelistaj Amerikanoj. Frank Herget, 553 Suffolk St., Buffalo, N. Y. USA.

*Internacia Informa Instituto* por doni rapidajn kaj precizajn komercajn informojn en la tuta mondo estis jus fondita kaj serĉas kunlaborantojn en ĉiuj landoj. Kunlaborado pagata. Skribu al Mezinarodni informacni ustav Pravoslav Anrys en Nachod. Ĉeĥoslovakujo.

*Kontraŭ malsano* pli bonaj ol piloloj estas 5.000.000 de Grenkamp. Prezo 3 Frk, svis.

*Okupo serĉata.* — Samideanoj. Kiu povus doni aŭ akiri okupon al esperantisto ? Li estas komerca komizo, parolas ĉeĥoslovake, hungare. Estu bonkoraj kaj skribu al : Ernesto Vanya, soldato 39 jran. rota, Rimavskà Sobota, Slov., Ĉeĥoslov.

*Patento.* — Mi vendas usonan patenton por flugaparato ĝis nun ne aplikata. Jos. Michalsky, Del. de UEA. Spiŝ. Nova Ves, Ĉeĥoslov.

*Pozicio.* — Mi serĉas tuj ian pozicion por juna germanino en familio bonstata. Ŝi estas laboremo kaj sperta en mastrumado kaj sekretariaj laboroj, Deziras kiel kompenson partoprenon de familia vivo kaj poŝmonon. Skribu tuj al Lotte Hainich, Burgstr. 18, Dŏbeln / Sa. (German.)

*Ŝako.* — *La Esp. Fako de Schackvärlden* — La Ŝakmondo — anoncas en okt.-numero de tiu revuo pri internacia ŝakkorespondturniro inter esperantistoj-ŝakistoj. Aliĝu direkte aŭ petu pri detalaj informoj ĉe la gvidanto de l'Fako, Torsten Lindberg, Pråssebo (Svedujo).

L'IMPRIMEUR-GÉRANT: A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. 736-11-31.